# Heleco




Pres-organo de:
Astura Esperanta Asocio



Numero 92 Junio 2016





## Napoleono kaj ties imperio



## Abortaĵo de la Franca Revolucio





Heleco

Pres-organo de:
Astura Esperanta Asocio

Numero 92 Junio 2016

**Astura Esperanta-Asocio**

Sidejo: Universitata Kampuso de Vieskes
GIJÓN (ASTURIO-HISPANIO)

Interret-paĝo: http://carleos.epv.uniovi.es/~faustino/

Retadresoj: easturias@telecable.es
mailto:esperanto@uica.info

**Astura Esperanto-Asocio** estas esperantista rondo kiu plenumas sian rolon favore al la disvastigado de la **Internacia Lingvo** unualoke en nia urbo, Gijón, kaj ankaŭ, leŭeble, en tiuj partoj de la Asturia regiono, kie ne ekzistas lokaj grupoj de **Esperanto**.

Nia agado disvolviĝas kadre de: **Cátedra JOVELLANOS de Extensión Universitaria**



La enhavo de la tekstoj de ĉi-tiu revuo ne esprimas oficialan opinion de **Astura Esperanto-Asocio**: pri ili respondecas la verkintoj mem.

Leĝa Registro 0/319/85

# Post ses-monata malfruo

Kiam aperis la antaŭa numero de nia revuo, ĝuste antaŭ unu jaro, ni anoncis kaj promesis publikigi ĉi tiun 92-an numeron en monato decembro de la pasinta jaro. Iamaniere, la elektita ĉef-temo postulis tiun daton. Kiel sciate de niaj legantoj, ĉiu numero de nia revuo estas dediĉata al iu konkreta temo, ĝenerale en rilato kun la jaro de la publikigo. Povas esti jubileo de iu ajn historia evento, aŭ simile. Nu, pasintan jaron estis la dua centjaro de la kolapso de la imperio de Napoleono. Tial nia plano estis eldoni du numerojn de **Heleco** en 2015. La unua, ja, estis tiu 91-a numero dediĉita al la **Franca Revolucio**, kiu estis la antaŭaĵo de la napoleona imperio kaj la nepra kondiĉo kiu ebligis la formiĝon de tiu imperio. Se ni bone kaj akurate povis plenumi la unuan parton de tiu plano, pro diversaj cirkonstancoj ne eblis same akurate plenumi la publikigon de dua numero en la jaro: ***Homo proponas, Dio disponas***. Sed post duon-jara malfruo, jen la 92-a numero.

Kvankam la centjaro de la ĉef-temo estas jam sufiĉe pasinta, ni persistis en la ideo pritrakti ĝin, eĉ se nur por doni decan kulminon al tiu de la antaŭa numero. Pritemi tiajn aferojn (la Franca Revolucio, la Imperio de Napoleono…) nuntempe, kiam ne mankas en nia epoko urĝaj kaj gravaj problemoj, povas ŝajni emo eskapi el tiu ĉi problemaro. Sed ne mankas pravigo por tiu ago. Oni konsideru ke, ekzemple, pri la Franca Revolucio kaj la napoleona imperio ekzistas multaj libroj en diversaj lingvoj, kelkaj el ili estis publikigitaj ĝuste pasintan jaron. Sed en Esperanto, pri tiuj temoj kaj pri multaj aliaj ekzistas preskaŭ nenio. La raportoj publikigitaj en nia revuo estas la plej ampleksaj tekstoj pri tiuj aferoj en la Internacia Lingvo.

Sed ne nur pri historiaj temoj ni traktas per la presorgano de nia E-Asocio. Eĉ se ne tre amplekse, en ĉi tiu numero ni okupiĝas pri aliaj temoj en rilato kun nuntempaj aferoj de nia socio. Unu el ili, tre grava, estas la situacio de la multenombro da enmigrintoj, ĉefe el Sirio sed ankaŭ el multaj aliaj lokoj kie ekzistas militaj konfliktoj kaj aliaj tragediaj cirkonstancoj. Pri tiu temo ni publikigas ĉi-numere artikolon. Ĝi estas tradukaĵo de teksto en la hispana lingvo. Klarigendas ke en la traduko, anstataŭ uzi la terminojn “enmigrintoj” kaj “rifuĝintoj”, ni preferis inventi la esprimojn “enmigr-celantoj” kaj “rifuĝ-celantoj” ĉar, verdire, plejparto el tiuj personoj kiuj devis forlasi sian hejmlandon ne estas ankoraŭ enmigrintoj aŭ rifuĝintoj tial ke nenie oni akceptis ilin; ili celas esti enmigrintoj aŭ rifuĝintoj ie ajn, do, reale, ili estas “enmigr-celantoj” kaj “rifuĝ-celantoj”. La aŭtoro de la artikolo estas unu pastro de nia urbo, Faustino Vilabrille Linares, tre progresista kaj konsciita pri tia problemaro. En la hispana lingvo oni povas trovi multajn artikolojn liajn pri la problemoj de la socio kaj de la Eklezio. La interesitoj pri tiuj aferoj povas vidi tiun materialon en jenaj ret-paĝoj:

http://forogasparglaviana.es/ de la **KRISTANA FORUMO “GASPAR GARCÍA LAVIANA”**
http://www.redescristianas.net/ de **KRISTANAJ RETOJ** (hispane: REDES CRISTIANAS)
http://www.periodistadigital.com/religion/ de **CIFERECA RELIGIO** (hispane: RELIGIÓN DIGITAL)

Alia afero de nia socio pri kiu ni okupiĝas en ĉi numero de la revuo estas la politika situacio de nia lando. En artikolo de nia antaŭa numero de la revuo, publikigita antaŭ unu jaro, respeguliĝis la politikaj ŝanĝoj kiuj estas okazante en Hispanio dum la lastaj jaroj. La noveco de la situacio konsistas en la apero de kromaj politikaj fortoj kiuj enrompas fortece dum malfortiĝas la tradiciaj partioj –ĉefe du– kiuj estis dum preskaŭ kvar jardekoj la bazo sur kiu sin apogis la sistemo. Kompreneble, kiam oni temas pri la “sistemo”, en Hispanio kaj en ĉiuj aliaj lokoj ne estas necese adjektivi ĝin per la termino “kapitalisma”. Dum la lastaj 25 jaroj oni ne konceptis ke povus ekzisti alitipaj socioj ol la burĝaj aŭ kapitalistaj. Nu, la noveco de la situacio estis la subita kaj neatendita apero de politika forto kiu estas, aŭ ŝajnas esti, kontraŭ-sistema kaj kiu, dum la lastaj jaroj, pli kaj pli zorgigas la homojn interesitajn en la konservado de la burĝa povo. En Hispanio tiu politika forto alprenis la nomon “PODEMOS” (Ni povas). Ŝajnas ke en aliaj landoj estas okazante io simila, kun aliaj nomoj. En la balotado okazinta en Hispanio fine de la pasinta jaro, tiu partio atingis pli da voĉdonojn ol en antaŭaj okazoj, kaj krome laŭ la distribuo de la deputitoj atingitaj de ĉiuj partioj ne eblis interakordi la formadon de registaro. Tio devigis ripeti la balotadon kaj jen okazis kroma novaĵo: la nova maldekstraro PODEMOS interakordis kun la malnova UNUIGITA MALDEKSTRO, de komunista influo, por la nova balot-konkurado, kiu okazis la 26-an ĉi-monate. En la balot-kampanjo tre akre interfrontiĝis ĉiuj partioj, ĉefe la kvar plej potencaj, kaj krome tiu kampanjo komplikiĝis per la malkovro de pluaj aferoj de koruptado de la ĝis nun reginta partio kaj per la rezulto de la forlaso de Britio el la Eŭropa Unio. Ĉion ĉi ni priraportas per unu artikolo.

# Hispanio

## De junio-2015 al junio-2016

Temante pri la historio de nia lando dum tiu jardaŭra periodo, la atento devas estis aldirektata ĉefe al la politika situacio. Dum la lastaj ses monatoj tiu situacio estis vera politika krizo kaj la afero ŝajne plikomplikiĝis lasttempe rezulte de la balotado de la 26-a de junio. Per antaŭa raporto nia pri tiu temo ni reliefigis ke dum la lastaj jaroj de la registaro de la dekstrara partio estrata de Mariano Rajoy: tiu regado karakteriĝis pro la pligrandiĝo de la ekonomia kaj socia diferenco inter la plej riĉuloj kaj la plej malriĉuloj. La laboristaj kaj civitanaj konfliktoj estis sufokitaj per la brutalo de la polico permesita de speciala leĝaro kiun la registaro nomis "**Leĝo por la Civitana Sekureco**" sed kiun popole estis nomata "**Leĝo por buŝ-ŝtopado**". La publikaj, ŝtataj entreprenoj estis privatigitaj, multaj gelaboristoj perdis sian labor-postenon kaj baldaŭ poste perdis ankaŭ la koncernan subvencion. La bankoj eksproprigis la hipotekitajn loĝejojn de la civitanoj kiuj ne plu povis pagadi la ĉiumonatan hipotek-kvoton tial ke ili estis senlaboruloj. Oni privatigis hospitalojn kaj malgrandigis la ŝtatan buĝeton destinitan al la sociaj sanec-servoj. Estis malgrandigitaj ankaŭ la fondusoj por eduksistemo el kio rezultis malboniĝo de la publika instruado, kaj oni plialtigis la koston de la servoj de la justicaj tribunaloj. Al ĉio-ĉi oni devas aldoni multaj skandaloj pro aferoj pri koruptado en kiuj estis implikitaj multaj politikistoj, plejparto el la reganta partio. Verdire, ĉiuj-ĉi fuŝaĵoj de la politika vivo de nia lando ne estas specifaj de la tiam reganta dekstrara partio. Dum la lastaj tridek-kvin jaroj sin alternigis en la regado tiu partio, nomata **Popola Partio**, kun la **Socialista Partio**, kaj, pli malpli, la koruptado kaj la kontraŭ-sociala politiko de ambaŭ estis simila. Fakte, en la jaro 2011, kiam ankoraŭ regadis la Socpartio, okazis en Madrido kaj aliaj hispanaj urboj kolosa mobilizado, nomata la ***Movado de la 15-a de Majo*** (15-M), ankaŭ ***Movado de la indignitoj***, kiu daŭris kelkajn semajnojn kaj kiu estis prave taksata kiel "kontraŭ-sistema". Iamaniere tiu mobilizo povus esti taksata kiel revolucio laŭsence ke ĝi estis esprimo de grava ŝanĝo okazinta en la menso de la popolaj amasoj kaj krome kontribuis pludaŭrigi kaj pliintensigi tiun penson en la ensemblo de la hispana popolo. La esenco de tiu ŝanĝo estis ke la amasoj komencis perdi la konfidon pri la soci-politika sistemo kaj la partioj kiuj efektivigis la politikan demarŝadon de tiu sistemo. Tio reliefiĝis per iu slogano kiu spontane naskiĝis dum tiu mobilizado kaj kiu poste iĝis devizo de multaj manifestacioj. La slogano estis «***No nos representan***» En la hispana lingvo signifas: "Ili (la partioj, la politikistoj…) ne reprezentas nin". La efiko de tiu popola malkonfido pri siaj regantoj ne reliefiĝis tuj. Fakte, en la sekvanta balotado venkis kaj atingis absolutan plimulton la **Popola Partio** de M. Rajoy. Sed, la reakcia politiko de tiu partio, kiun ni skize priskribis supre, kontribuis plikreskigi en la menson de la hispanaj popolaj amason la malfidon pri la sistemo kaj ties politikistoj. Oni devas informi ke krom la du menciitaj grandaj partioj de la sistemo ekzistis ankaŭ iuj partioj, pli mal naciismaj, kiuj ekzistas nur en iuj regionoj de la periferio de la lando kaj kiuj havas emon je sendependiĝo de la koncerna regiono. Kaj krome estas la koalicio nomata **Unuigita Maldekstro**, de komunista influo, kiu havis ian povon sed tre malgrandan kompare al la du ĉefaj partioj de la sistemo. Ial, pro cirkonstancoj kiujn ni pritraktos poste, tiu komunisteca koalicio ne rezultis favorata de la elreviĝo de la amasoj pri la tradiciaj politikistoj. Iom-post-iom formiĝis kelkaj novaj partietoj kaj movadetoj kiuj celis esprimi la spiriton de la indignitoj de la 15-M dum evidentiĝis, ĉefe en la novaj generacioj, la rifuzo kaj la naŭzo pri la ega politika koruptado. Subite kaj neatendite, en la balotado de majo de la jaro 2014 por la Eŭropa Parlamento, unu el tiuj etaj movadoj, kiu estis asigninta al si la strangan nomon de ***Podemos*** (Ni povas), atingis konsiderindan rezulton: 8 procento el la voĉdonoj de la lando kun akiro de 5 el la 54 eŭropaj deputitoj de la lando. Notindas ke tiuj ĝis tiam nekonataj uloj de tiu kandidataro atingis pli da voĉdonoj kaj deputitoj ol la partio de la tradicia maldekstraro ***Unuigita Maldekstro*** en kiu enkadriĝas la komunistoj. Baldaŭ poste **Ni-povas** leĝaliĝis kiel formala partio kaj estis konsiderata kiel kontraŭ-sistema organizaĵo. De tiam okazis kromaj balotadoj (por la regionaj kaj urbaj regantaroj) kaj la nova politika forto, senĉese plifortiĝis. Ilia stilo (ĉefe pri interna partia demokratio) estis imitata de aliaj partioj. Eĉ en la dekstraro oni entreprenis similajn ŝanĝojn kaj naskiĝis nova dekstrara kaj burĝa partio, nomata **Civitanoj**, kiu kondamnas la koruptadon kaj aliajn malfavorajn aspektojn de la reganta **Popola Partio** de Rajoy. La 24an de majo de la pasinta jaro okazis municipaj balotoj en la tuta lando kaj regionaj balotoj en multaj el la hispanaj regionoj. La reganta partio perdis la kontrolon de iuj regionoj kaj multaj urboj, kaj tio estis ĝenerale interpretita, kiel anonco de baldaŭa perdo de la politika povo de la lando. La koncerna balotado okazis la 20-an de decembro, Rimarkinda novaĵo de tiu balot-procezo estis tio ke unuafoje en la historio de nia demokratio estis ne nur du, sed kvar gravaj partioj konkurante por la civitanaj

voĉdonoj: Krom la tradiciaj **Socialista Partio** kaj **Popola Partio**, ankaŭ **Ni-povas** kaj **Civitanoj**. La komunisteca **Unuigita Maldekstro** restis kiel duaranga partio kaj fiaskis la demarŝoj por ke ĝi iru al la balotado asociita al **Ni-povas**.

Venas la momento klarigi la kaŭzon de la situacio de enkorsetiĝo de la komunistaj fortoj, ne nur en Hispanio sed ĝenerale en aliaj eŭropaj landoj kaj ĉie ajn. Pro sia propra naturo, la komunistaj organizaĵoj havas alvokiĝon "ŝanĝi la mondan bazon", forpeli la ekspluatadon, konstrui la komunistan socion… Por la realigado de tiu programo estas necesa la interveno de la amasoj, sed la amasoj povas timi kaj fakte timas entrepreni tiajn procezojn. La amasoj scias, eĉ se subkonscie, ke tiaj procezoj estas malfacilaj, penigaj, krizaj, danĝeraj… kaj nerenversigeblaj. Do, la amasoj sentas pigrem(ec)on entrepreni tiajn revoluciajn vojojn. Laŭ la logiko de la klasbatalo, la subpremitaj amasoj devus esti pretaj entrepreni la revolucian procezon sed ili preferas asigni al la komunistoj nur la kontrolon de iuj municipaj estraroj kaj eĉ de regionaj estraroj sed tute ne la politikan povon de la lando; ili prokrastas la necesan revolucion por ke ĝin faru la sekva generacio kaj ne travivi mem la traŭman situacion kiu nepre akompanas tiajn procezojn.



Amasa mobilizado de la 15-M en Madrido

En la balotado de la 20-a de decembro de la pasinta jaro neniu el la kvar gravaj partioj atingis sufiĉe da forto por formi novan registaron. Krome ne eblis aranĝi koalicion aŭ interakordon kapablan tion fari. Ĉiuj rifuzis la regecon de Rajoy pro la koruptado de ĉi ties partio. Kaj la Socpartio, fidela al la tasko, kiun la imperiismo asignis al ĝi, esti unu el la kolonoj de la sistemo, tute ne estis preta koalicii kun **Ni-povas** kaj **Unuigita Maldekstro**. Ja, la lidero de tiu partio, Pedro Sánchez, kontente estus ricevanta la apogon kiun la maldekstro, komunista aŭ ne, estis preta doni al li por elekti lin kiel nova ĉefkanceliero, sed li, kiel bona socialdemokrato tute rifuzis konsenti kun la ĉefaj soci-ekonomiaj postuloj de la maldekstruloj. Tiele konfirmiĝis pluafoje, la aserton de Lenino, kiu iam diris ke la socialdemokratio estas la lasta tranĉeo de la kapitalismo. Ekde januaro ĝis nun oni intencis, vane, aranĝi novan registaron. La hispana Konstitucio permesas, kaj eĉ trudas, tiel malrapidan demarŝadon. Fakte, la sekvinta balotado ne povis esti farita ĝis hieraŭ, la 26-an de junio. Rilate al la antaŭa balot-procezo estis iu novaĵo. Ĉi-foje **Ni-povas** kaj **Unuigita Maldekstro** prezentiĝis en koalicio, t. e. kun unusola kandidataro en ĉiu provinco por ambaŭ partioj. Tio estis tre konvena por ambaŭ politikaj organizaĵoj ĉar laŭ la pribalota hispana sistemo la sumo de ambaŭ kune atingas pli da deputitoj ol la tuto de ambaŭ dise. Tio vekis esperon de granda pliboniĝo de la balotaj rezultoj de la maldekstraro. Krome dum la duonjaro post la antaŭa balotado estis aperintaj pliaj gravaj kazoj de koruptado de politikistoj de la **Popola Partio** kaj de la partio mem kiel respondecanto de la skandaloj. La faritaj enketoj cele prognozi la balotan rezulton aŭguris pluan gravan sukceson kaj plifortiĝon al la koalicio **Ni-povas/Unuigita Maldekstro.** La lidero de tiu-ĉi formacio, Pablo Iglesias, senĉese ripetadis dum la balot-kampanjo ke tial ke ne eblos atingi parlamentan plimulton li devos kalkuli kun la socialistoj por la formado de la nova registaro. Ĉiuj esperis, do, ke okazus granda malvenko de la dekstrara partio. Ties lideroj, same kiel la socialistoj, dum la balotkampanjo direktis siajn atakojn al la koalicio **Ni-povas/Unuigita Maldekstro**, asignante la titolon "komunistoj" al ĉiuj ties membroj kvankam nur eta parto el ili estis tiaj.

Nu, la balotado estas ĵus pasinta kiam oni skribas ĉi tiujn liniojn. La rezulto estis/as granda surprizo, vera ŝoko. La **Popola Partio** plibonigis sian pozicion rilate al la balotado de decembro. Rajoy kaj ties koruptaj sampartianoj atingis, kvankam ne absolutan plimulton, tamen sufiĉe grandan nombron da deputitoj por ke al ili rezultu relative facile atingi la pludaŭrigon de sia regado kun la helpo de aliaj grupoj de dekstraro. La Socialista Partio havis la plej malfavoran rezulton de sia 137-jara historio, perdis deputitojn ankaŭ **Civitanoj**, la alia dekstrara partio kiu konkuris kun la **P. P**. kiel alternativo pro ĉi ties koruptado. Por la hispanaj voĉdonantoj ŝajne ne gravas la multaj eksterleĝaj aferoj pri kiu kulpas la reganta partio. En ĉiuj lokoj kie okazis tiuj skandaloj pro koruptado la pribalota sukceso de la partio de Rajoy estis eĉ pli granda ol en antaŭaj okazoj. La koalicio de maldekstraro perdis neniun deputiton rilate al la balotado de decembro, sed tio estas malsukceso ĉar oni esperis ke pro la koaliciado ĝi devus atingi pli grandan nombron da elektitaj deputitoj. Kio okazis?.

Nun ĉiuj sin demandas kial okazis tio. Kial plejparto el la hispana voĉdonantaro, kontraŭ ĉiu espero faris ĝuste la malon ol atendite? Eĉ la spertuloj pri politikaj enketoj kaj la pripolitikaj specialistoj ne komprenas tiun mistrafon de siaj prognozoj. Eĉ la venkintoj mem ne esperis tian rezulton. Oni rimarkis ke la nombro da voĉdonantoj estis eksterordinare malalta kaj oni atribuas tion al la fakto ke la hispana civitanaro enuiĝas pro tiel ofta voĉdonado. Sed tio ne eksplikas kial la pribalota nepartopreno okazis malfavore por la maldekstraro. La hodiaŭaj informiloj asertas ke la responsuloj de la malsukcesintaj partioj kunsidos por pristudi la kialojn de ilia fiasko. Laŭ la kutimo okaze de similaj malsukcesoj, eble la lideroj de maldekstraro memkritike asertos ke la voĉdonantoj ne komprenis ilian mesaĝon, ke ili ne sciis transkomuniki sian mesaĝon. Mia modesta opinio estas ke okazis ĝuste male. Grandparto el la hispanaj voĉdonantoj (preskaŭ 8 milionoj) elektis, kaj alia granda parto ne voĉdonis ĝuste pro tio ke ili trafe kaptis la mesaĝon de **Ni-povas/Unuigita Mal-**

**dekstro**. Kompreneble, en tiel granda homamaso estas multegaj malriĉuloj, multegaj ekspluatatoj, senlaboruloj. Laŭ la skemo de la klasbatalo ili devus preferi la maldekstron. En la mitingoj de la maldekstrara koalicio, inter aliaj frap-frazoj, oni diradis: "la voĉdonado de la 26-a de junio estos kvazaŭ referendumo en kiu oni devos elekti inter la pasinteco kaj la estonteco". Nu, la hispana civitanaro (voĉdonintoj aŭ ne) konscie (aŭ senkonscie?) decidis elekti la pasintecon kontraŭ siaj propraj klasaj interesoj. Kial?

Mi jam sugestis la respondon kiam mi priskribis la kialon de la komunista blokiĝo en multaj landoj, ĉefe en tiuj de Okcidento. La kialo povus estis resumita per la frazo "Timo al la libereco". Ĝi estas la titolo de grava verko de iu fama psikologiisto kiu tre atentis pri tiu fenomeno de la homaj kolektivoj kiuj sin sentas nekapablaj alpreni en la decidaj okazoj la necesan teniĝon por plenumi gravan taskon. Al tiu frazo mi aldonus ankaŭ "Timo al la egaleco" kaj "Timo al la frateco". **Libereco, Egaleco kaj Frateco** estas devizo de granda revolucio pri kiu la Okcidenta kulturo emfazas kiel idealo kiu difinas ĝin. Sed tiu formulo jam ne difinas la naturon de la kulturo de Okcidento, se ĝi iam faris tion. En la socioj en dekadenco regas nur egoismo, oni emas nur monon, komforton, oni ne estimas la idealojn… La idealo de la **Libereco** postulas kontraŭfronti la subpremigajn fortojn de la ekonomiaj potenculoj kiuj ekspluatas la mondon; kaj la dekadencaj kaj egoismaj popoloj ne kuraĝas entrepreni tiun taskon. La idealo de la **Egaleco** postulas celi la Komunismon, la abolon de la proprieto kaj la mono, socion en kiu neniu homo estu pli riĉa aŭ malpli malriĉa ol la ceteraj; kaj la dekadencaj kaj egoismaj popoloj ne konceptas vivadi en tiaspeca socio. La idealo de la **Frateco** postulas akcepti la milionojn da subsaharanojn kaj sirianojn kiuj serĉas rifuĝon ĉe ni; kaj la dekadencaj kaj egoismaj popoloj ne kapablas praktikadi tian fratec-gastamon. En la landoj de ĉi tiu Okcidenta socio furoras la faŝismaj movadoj kiuj kontraŭstaras tiujn idealojn kaj oni reelektas politikistojn kiaj M. Rajoy, kiu postulas submetiĝon al la financaj povoj regantaj la mondon, apogas la kapitalismon kaj rifuzas la enmigradon de fremdaj rifuĝintoj. Oni voĉdonis hieraŭ favore al li ĝuste pro tio.

La balot-kampanjo de la Popola Partio estis tre trafa kaj saĝa. La mitinga kaj pertelevida propagando de tiu partio insistis pri tio ke voĉdoni favore al la maldekstrara kandidataro signifus apogi povon kiu metus nian landon en danĝeron fariĝi kiel Venezuelo kaj Grekujo. La mesaĝo kiun tiu propagando celis semi en la subkonscion de la amasoj estis ke se oni defius la internaciajn financajn povojn kiujn ili peras, kiel faris la du menciitaj landoj, Hispanio riskas suferi similajn malfacilaĵojn al tiuj de Venezuelo kie mankas la plej necesaj varoj, la kuraciloj… aŭ kiel Grekujo, kiu ne sukcesis mildigi sian pagadon de ŝuldoj kaj krome oni devis malgrandigi la pensiojn. Al la superregantoj de la kapitalisma sistemo tre interesas ke en la landoj kiuj defias ilin, ĉiuj aferoj funkciu malbone, ke la loĝantaro suferu grandajn penojn kaj malfacilaĵojn, kaj klopodas, per sia granda povo, provoki tiujn malfacilaĵojn. Tiele okazis en Kubo dum multaj jardekoj, en Venezuelo, Bolivio, Brazilo, Grekujo…

Granda parto el la hispana loĝantaro, eĉ se subkonscie, bone prenis noton de tiu minaco. Tio metis finon al la ĝis tiam nehaltigebla suprenirado de **Ni-povas**. Ĝis tiam tiu politika organizaĵo ne estis vekinta tiom da timo. Komence oni apogis ties kandidatarojn kvazaŭ amuze; la kandidatoj estis simpatiaj, relative junaj knaboj kiuj ne ŝajnis kapablaj endanĝerigi la sistemon. Apogi ilin estis ia maniero ĝeni la subpremigan kaj koruptan regantaron de la **Popola Partio**. Sed ĉi-foje, per la kuniro kun la komunisteca **Unuigita Maldekstro** kaj per la deklarita intenco altiri la **Socialistan Partion** al kontraŭ-sistema politiko, multaj personoj, ĝis tiam apogintoj de **Ni-povas,** komprenis ke ĉi tiu estas serioza afero, kaj ke daŭre apogi ĝin signifus entrepreni iradon tra ne-dezirata vojo. Tiu ĉi skemo de bremsado de la revoluciaj procezoj funkcias ĉie, en multaj lokoj, kaj ĉiam, en multaj okazoj. Verdire, por ke reale konkretiĝu revoluciaj procezoj estas necese ke la koncernaj socioj suferu krizon, tragedion kiuj pelus ilin tiudirekte. Ekzemple, la gloraj revolucioj de Francio (1789) kaj Rusujo (1917), reale, ne estis tiel gloraj kiel oni supozas. La parizanoj kiuj alsaltis la Bastilon la 14-an de julio de 1789 sin vidis pelitaj al tiu ago sub la premo de urĝaj kaj neevitebla cirkonstancoj. Se ili ne estus farinte tiun heroan akton la pariza loĝantaro estus masakrita de la dung-soldatoj senditaj de la reĝo Ludoviko la 16-a, kaj alpreninte tiun teniĝon ili jam ne povis retroiri en sia revolucia agado. Kaj en Rusio 1917, la kamparanoj kaj laboristoj devis reagi al la freneza situacio kreita post plurjara interveno en la Unua Mond-Milito, kiam miloj da tunoj de homaj estaĵoj estis senĉese sendataj al la buĉejo en kiu konvertiĝis la militaj frontoj. Feliĉe, nia hispana socio ne troviĝas en tiel katastrofa situacio… ankoraŭ. Se oni daŭre apogas registarojn kiel tiu de Rajoy, la kontraŭdiroj de la burĝa socio povos konduki nin al tiutipaj tragedioj.

Do, kion fari nun? Se mia interpretado de la situacio estas trafa, alia vojo al la socia progreso aperas fermata en nia lando. Sen la partopreno de la amasoj oni povas fari nenion. La amasoj, la popoloj, havas la regantojn kaj la destinon kiun ili mem elektas, kaj ilia elektado povas esti malbona. Se la popolo elektas liberigi Barabason kaj kondamni Jesuon, oni efektivigas tion elektitan kaj la rezulto de la elekto falas sur la kapo de la popolo kiu elektis. Tiutipaj elektoj okazas multfoje en la historio, okazas senĉese en la historio, kaj la rezulto de tiel senĉesa misa elektado estas la trista situacio de la mondo ĝenerale kaj de la Okcidenta kulturo konkrete. Se atenti pri nia lando, simile malfeliĉa elekto de plejparto el la hispanaj gecivitanoj estis tiu de la 12-a de marto de la jaro 1986 kiam oni decidis per referendumo la plurestado de nia lando en la NATO. Ankaŭ la 20-an de februaro de 2005, kiam la loĝantaro amase apogis la proponitan konstitucion de Eŭropa Unio, en kiu tute mankis civitanaj rajtoj. Kaj ĝenerale en ĉiuj balot-procezoj okazintaj dum la politike malfeliĉaj jardekoj de la du-partia modelo de la sistemo.

Faustino Castaño (Gijón, la 27-an de junio – 2016)

# La dekadenco de Okcidento kaj la siriaj rifuĝ-celantoj



pastro Faustino Vilabrille Linares.

***La Dekadenco de Okcidento*** estas la titolo de grava libro verkita de Oswald Spengler komence de la pasinta jarcento, kiu iamaniere klarigas tion okazantan en la okcidenta mondo kaj konkrete tion kion estas faranta Eŭropo per la resendado, aŭ pli ĝuste la vendado, de siriaj rifuĝ-celantoj al Turkio kontraŭ 6.000 milionoj da eŭroj. Nekredeblas ke Eŭropa Unio agu tiele.

Splenger faras filozofian analizadon, aŭ histori-filozofian, de la plej gravaj kulturoj kiujn la homaro konis, ĉefe la okcidenta. Li konsideras ilin kvazaŭ vivantan organismon kiu naskiĝas, kreskas, disvolviĝas kaj mortas. Kiam iu kulturo degeneras en nuran civilizacion, signifas ke ĝi estas alvenante al sia fin-proksimiĝo, al sia morto, kaj mortas. La forto de la mono fariĝas vulgara politika faktoro, kiu fine forvoras la plej gravajn valorojn kiuj konsistigis tiun kulturon, kiu degenerante en nuran civilizacion perdas ilin kaj troviĝas sur-rande al la morto.

Tio estas okazante al tiu kiu iam estis la floranta okcidenta kulturo. Ekzemple, la grandaj valoroj depostulitaj kaj emfazitaj de la Franca Revolucio de 1789, pri egaleco, libereco kaj frateco, kiuj provizis al ĝi enhavon kaj sencon, kaj signifis la venkon de popolo malriĉa, subpremata kaj laca suferi maljustecon, kontraŭ la privilegioj de la feŭd-nobelaro kaj la absolutisma ŝtato, estas nun preskaŭ tute forgesataj de Eŭropo. Tio, kion la okcidenta civilizacio estas faranta kun miloj da enmigr-celantoj siriaj, afrikaj kaj el Sud-Ameriko, misvendante iujn kaj ŝtopante al aliaj la vojon per kilometroj da bariloj, tranĉklingoj kaj betonaj muregoj: inter Usono kaj Meksiko (3.200 kilometroj da murego), Hispanio en Ceŭto (8 kilometroj da metala barilo, kaj 12 en Melilo, inter Israelo kaj Cisjordanio, ktp. pruvas ke la regantoj kaj la popolo kiu elektis ilin, perdis la plej bazajn valorojn de egaleco, frateco kaj libereco.

La eŭropaj nacioj kaj ĉiuj kiuj troviĝas ene de la orbito de la okcidenta civilizacio estas montrante ke ni tute forgesis ke iam ni subskribis la Universalan Deklaracion de la Homaj Rajtoj.

Krome ni havas la koruptadon regatan de la pli kaj pli universala dio, la mono de la novliberalismo, kiu disvastiĝas kiel pesta plago trairante la tutan planedon ekde Japanio, Pekino, pasante tra Rusujo, trairas Eŭropon, kun halto en Svisio, transiras la Atlantikon kaj instaliĝas en Ameriko, ĝis fariĝi vigle ĉeestanta en tiel malgranda lando kia Panamo; tiel agresema viruso instal-

iĝas eĉ en la cerbo de iuj homoj kiuj simulas esti mortinte, kiel F. Paesa, por plu fraŭdi, kaj posedas povon mobilizi siafavore la plej gravajn ekonomiajn instituciojn el la mondo, ekde grandaj bankoj ĝis la Tutmonda Banko, la Internacian Mond-Fonduson, la T. K. O., ktp.
Estas necesa la naskiĝo de nova generacio, kun nerevokeble preta kapablo regeneri la mondon, akorde kun la nuna situacio, kiu ŝanĝu la kurson de la historio, tiel por la monda estaĵo kiel por la Ter-planedo, ĉar estas la tuta Tero tiu kiu troviĝas subdanĝere je estingiĝo.
Tiu ĉi Okcidenta kulturo, nuntempe nura civilizacio, pli kaj pli iĝas fremda, kvankam pli malpli ĝi ĉiam estis tia, al la manifestiĝoj kiujn la etik-morala kristana influo iam havis sur ĝi, ĉar la Okcidenta Katolika Eklezio, ne nur troviĝas en dekadenco, sed oni preskaŭ povus diri ke en disfalo, iomgrade pro ĝia asimiliĝo kaj afineco al la politikaj kaj ekonomiaj strukturoj de Okcidento, pli kaj pli malproksimaj al la grandaj principoj kaj valoroj de la Evangelio, kaj ankaŭ pro la ekonomia kaj morala korupto ene de si mem. Ekzemple: la financoj de la Vatikano, ĉi ties riĉaĵoj, ĝia hierarkia asimetrio, la manko je interna demokratio, la nesubskribo de Deklaracio de la Homaj Rajtoj kaj la hontiga ekzistado de pederastio en grandnombro el ĝiaj membroj, inter kiuj iu el ili, kiel unu episkopo de la periferio de Parizo, Stanislas Lalanne, eĉ pridubis ĉu la pederastio konstituas pekon!!!
La papo Francisko estas faranta titanan klopodon revenigi la Eklezion al la fideleco al la mesaĝo de la Evangelio de Jesuo, sed li ne trovas sufiĉan eĥon en la ceteraj strukturoj de la universala eklezio, sed foje, eĉ fortan kontraŭstaron al sia regeneriga linio ene de la Vatikano mem.
La multenombro da personoj, kredantaj aŭ nekredantaj, aŭ eĉ de aliaj religioj, kiuj vidas en li ian lumon de espero, devas tute apogi lin, laŭ la linio de lia enciklika ***Laudatio si***, dediĉita al la zorgado pri la Komuna Hejmo, kiu ampleksas la tutan Teran sistemon.
La papo Francisko volas fari alarm-alvokon al la konscienco de Eŭropo irante al Lesbos por renkontiĝi kun la senesperaj sirianoj, eritreanoj, ktp. Ĉu iome atentas pri tio la eŭropaj regantoj? Ĉu atentos ni, kiuj elektis ilin?



**Betona murego inter Usono kaj Meksikio**





**Hispanaj metalaj bariloj en Ceŭto kaj Melilo**




Post nia pritrakto de la Franca Revolucio, per la antaŭa numero de `Heleco,` la temo devas kulmini per tio kio estis la fakta –eĉ se stranga– kulmino de la revolucio, t. e. la Napoleona Imperio.

Nu, temante pri Napoleono Bonaparto kaj ĉi ties regado, la afero povas esti rigardata de tre diversaj anguloj kaj vidpunktoj. Iuj atentas pri la militaj kampanjoj de la imperiestro, lia strategi-kapablo… Al aliaj pli interesas la diplomatio, konfliktoj kaj traktatoj de Francio kun la tiamaj potencoj, la politika lerteco de Napoleono por konkuri kun la eŭropaj potencoj de sia epoko, liaj administraciaj reformoj, la influo de lia politiko sur la landoj venkitaj kaj invaditaj de li, kaj multaj aliaj aspektoj de lia persono kaj lia regado. Sendube gravas ĉiuj ĉi aspektoj de la Napoleona afero, kaj oni devos pritrakti ilin en ĉiu historia studo pri la imperiestro. Sed nia atento kaj intereso pri lia imperio centriĝas en la fakto ke ĝi estis ia longa epilogo de la Franca Revolucio.

Ja, okazis la kontraŭdiro aŭ paradokso ke la regad-etapo de Napoleono Bonaparto samtempe estis likvido kaj defendo de la revoluciaj atingoj. Li estis testamenta administranto kaj profitanto de la granda Revolucio, kiun, tamen, li perfidis. Rimarkindas ke tiu rezulto estis tute surpriza kaj neatendita… Se en 1794 aŭ 1795 iu ajn sin demandus pri la destino kaj evoluo de tiu revolucio kiu estis okazanta ekde 1789, sendube oni estus prognozinte alternativon inter du eblaj disvolviĝoj de la afero: Unua ebleco estus la venko de la revolucio kaj ĉi ties etendiĝo al aliaj eŭropaj landoj. La alia ebla alternativo estus la mala rezulto, la fiasko de la revolucio kaj la reveno al la absolutisma monarkio. Neniu estus povinta diveni aŭ antaŭvidi la faktan rezulton ke okazus nek la unua nek la dua ebleco de la alternativo, sed stranga miksaĵo de ambaŭ situacioj subgvide de iu ĝis tiam nekonata geniulo kiu, krome, estis iom freneza kaj prenis sian inspir-modelon el la cezaroj de la Romia Imperio.

Tio metas antaŭ ni la demandon: ĉu la Napoleona Imperio povas kaj devas esti enkalkulata ene de la Franca Revolucio? La argumentoj favore aŭ kontraŭ tiu aserto estas same validaj kaj same diskuteblaj. Se tiu revolucio havis netan komenciĝon en la kunvoko de la Ĝeneralaj Statoj kaj la kapto de la Bastilo, ĝia finiĝo ne tiel estis klara, ĝi havis multajn finojn. Iuj situigas la revolucian finon en la komploto de Termidoro kiu likvidis la superregadon de la jakobenoj, aŭ eĉ antaŭe, kiam Robespiero entreprenis persekutadon kontraŭ la plej radikalaj grupoj de la senkulotuloj. Aliaj situigas la revolucian ĉeson en la fiasko de la t. n. Konspiro de la Egaluloj kaj la proceso al Babeuf kaj ĉi ties kunuloj. Sed ne mankas ankaŭ tiuj kiuj fiksas la morton de la Revolucio en la puĉo de Brumario kiu metis finon al la Direktoraro kaj starigis la Konsulaton, aŭ pli poste kiam ĉi tiu evoluis al la unupersona Konsulato de Bonaparto, aŭ kiam tiu formulo ĉesis pro la starigo de la Imperio en la persono de Napoleono.

Sed eĉ ĉi lasta evento estas pridubinda kiel indikilo de la morto de la Revolucio ĉar dum la Imperio persistis ne malmultaj simboloj kaj institucioj devenintaj el la Revolucio kvankam iuj malaperis iom-post-iom. Tio estas, eĉ dum la Napoleona Imperio estis okazantaj pluaj mortoj de la Revolucio: la malaperigo de la revolucia kalendaro kaj reveno al la tradicia, la ĉeso de la batalado kontraŭ la katolika klerikaro… Aliaj simboloj, kiel la Marsejl-kanto kaj la trikolora flago persistis ĝis la fino de la Imperio kaj restarigo de la monarkio. Kaj aliaj pli bone rezistis: la Metra Sistemo de Mezur-unuoj eĉ estis poste alprenita de kelkaj el la landoj kiujn kontraŭbatalis la Revolucion kaj la Imperion. Kaj fine, aliaj revoluciaj atingoj plu restis post tiam kaj ĝis nuntempe: la teroj eksproprigitaj al la Nobelaro kaj la Eklezio neniam revenis al ties antikvaj posedintoj. Kaj kvankam estis restarigitaj en Francio la nobelaj titoloj, tamen neniam plu reestabliĝis la feŭdecaj interrilatoj. Spite al ĉiuj mortoj de la Revolucio neniam plu la situacio revenis al la antaŭa stato.

Kaj tio okazis spit' al Napoleono kaj ankau dank' al li. Nu, al tiu stranga kaj kontraŭdira persono ni dediĉas sekvan raporton.



# Napoleono Bonaparto
# Junaĝo kaj formiĝo



La afero «Napoleono Bonaparto» plenas je paradoksoj. Kiu estus povinta diveni, en la jaro 1769, ke iu infano naskiĝinta tiujare mem en Korsik-insulo kreus imperion en Francio kaj disdonus inter siaj gefratoj la tronojn de Eŭropo? Kiu estus povinta antaŭvidi en 1794 ke iu juna leŭtenanto kiu apenaŭ estis franco, estus en 1800 la superreganto de Francio? Ni vidos ke pli kaj pli da paradoksoj kaj neatenditaĵoj signis la vivon kaj la politikan karieron de tiu stranga ulo.

Li naskiĝis la 15-an de aŭgusto de 1769 en la korsika ĉefurbo Ajaccio. Tiam la insulo apartenis al Francio ekde la antaŭa jaro. Dum iom da tempo la korsikanoj rezistis la francan okupadon. La gepatroj de Napoleono mem partoprenis en la militaj operacioj komanditaj de Pascal Paoli kontraŭ la franca armeo. Lia patrino, Letizia Ramolino estis graveda je li kiam ŝi akompanadis sian edzon, Carlon Bonaparton, en la gerila batalado. Sed fine la francoj sin altrudis kaj evidentiĝis ke estis senutile batali kontraŭ ili. La korsika lidero Paoli devis sin ekziliĝi al Anglio. Iom-post-iom, dum la infanaĝo de Napoleono, lia familio alkutimiĝis al la nova situacio kaj relative bone instaliĝis en ĝi. La gepatroj de Napoleono apartenis al la loka nobelaro de la insulo sed ne estis speciale riĉaj. Ili havis iujn terposedaĵojn sed estis necese al Carlo roli kiel advokato por subteni sian multemembran familion; krom Napoleonon ili havis alian pli aĝan filon, Jozefon, kaj poste naskiĝis al ili kromaj gefiloj el kiuj supervivis ses: Luciano, Jeronimo, Ludoviko, Karolina, Elisabeta kaj Paulina.

Dum sia infanaĝa lernado en Korsiko Napoleono estis instruata pri kaj per la loka itala lingvo, lia gepatra lingvo. Lia patro kultivis la amikecon de la franca guberniestro de la insulo, la grafo Marbeuf. Ŝajnas ke ĉi tiu sentis altiron al Letizia, kiu daŭre estis tre bela spite al la multaj akuŝoj kiujn si havis. Dank' al Marbeuf, Carlo atingis stipendiojn por la studado de kelkaj el siaj gefiloj. Napoleono estis destinita al militista kariero. Tial li, estante naŭjara, estis kondukita al Francio far sia patro. Li restis dum kelkaj monatoj, kune kun sia frato Jozefo, en iu lernejo en Autun por eklerni la francan lingvon. Poste li estis en la militista akademio de Brienne dum kvin jaroj, malproksime de sia familio.

Dum lia studado li evidentiĝis tre kapabla en la lernado de matematiko, historio kaj geografio, sed rezultis al li tre malfacila la lernado de la latina lingvo, kaj progresis malmulte en la scipovo de la franca. Plejparto el la cento da kunuloj en la akademio apartenis al socia klaso pli altranga ol tiu de Napoleono. Iuj el tiuj junuloj portis familiajn nomojn famkonatajn en la franca historio, aliaj havis patrojn kiuj ĉasadis kun la reĝo… Krome la aliaj pagadis siajn kvotojn dum li estis subvencita de la ŝtato… kaj krome li estis la sola korsikano, preskaŭ eksterlandano… Li neniam sin sentis integrita en tiu kolektivo kaj sopiris al Korsiko kaj ĉi-ties vivmaniero. Disvolviĝis ĉe li emo kunlabori en la liberigo de la insulo el la franca regado, kaj por li la ekzilito Paoli estis heroa modelo kiun li volis imiti.

La jaroj en la akademio de Brienne forĝis la karakteron de la kadeto Bonaparto. Li komencis generi spartanan teniĝon. En tiu epoko Francio estis batalante kontraŭ Anglio en milito kiu okazadis en la maro. Napoleono decidis fariĝi maristo. Somere de 1782 li ricevis en Brienne la viziton de siaj gepatroj. Lia patrino malaprobis lian planon fariĝi maristo, sed li persistis en sia ideo. Sed ĉiukaze en 1783 li povis decidi nenion tiurilate ĉar oni ne aprobis lian pasadon al la sekva ŝtupo de la militista kariero, la aliron al la Militista Altlernejo. Krome tiam finiĝis la stipendio kiun li ĝuadis kaj lia patro komencis malsaniĝi. Finiĝinte en tiu jaro la milito inter Francio kaj Anglio, Napoleono kontemplis la eblecon eniri en iun anglan maristan akademion. En tiu epoko estis normala afero ke oficiroj de iu lando servu en alilandaj armeoj. Fine la afero solviĝis kiam oni akceptis Napoleonon en la Militista Altlernejo de Parizo.

En oktobro de 1784 Napoleono translokiĝis al Parizo. Tie li povis konstati la kontraston inter la granda riĉeco de la kortego kaj la enorma mizero de la popolo. Kvar monatojn post lia eniro en la Militista Altlernejo mortis lia patro pro stomak-kancero. La ekonomia situacio de lia patrino ne estis bona… La plejaĝa frato, Jozefo, decidis ke li ne taŭgis por la eklezia kariero al kiu li estis destinita de lia familio kaj interrompis sian tiucelan studadon por fariĝi militisto kiel lia frato Napoleono,

sed tiam li estis nek pastro nek militista oficiro. En la Militista Altlernejo Napoleono bone profitis la instruon kaj fariĝis oficiro kiam li aĝis nur 16 jarojn. En 1785 oni ne akceptis oficirojn en la Mararmeo, do li ne povis plenumi sian deziron esti maristo, kaj li estis destinita al artilerio. Tiam li estis la sola subteno de sia patrino, vidvino kun ok gefiloj, iuj el ili naskiĝintaj post la foriro de Napoleono kaj kiujn li ankoraŭ ne konis. Kiam li devis elekti regimenton li mendis tiun de La Fère, kiu troviĝis en Valence, la garnizono plej proksima al Korsiko.

Ekde januaro de 1786 Napoleono rolis kiel duaranga leŭtenanto en tiu garnizono de Valence, urbo apud la Rodano-rivero, kiu havis tiam proksimume 5.000 enloĝantoj. Lia salajro kiel oficiro estis 93 pundoj ĉiumonate kaj devis pagadi 8 pundojn monate pro luprenita de li ĉambro en iu partikulara domo. En tiu garnizono li sin ekzercis kaj spertiĝis pri ĉio rilate al artilerio. En tiu epoko la artilerio estis rapide evoluanta kaj perfektiĝanta. Napoleono praktikadis per kanonoj dezajnitaj antaŭ 9 jaroj kiuj estis la plej potencaj en Eŭropo. Ili estis ellaboritaj en la fabriko de ***Le Creusot***, en iu tre moderna instalaĵo kie por la fandigo oni uzadis ne lignon sed koakson kun vapormotoroj. Napoleono interesiĝis pri tiu uzino kaj vizitis ĝin. La personaj rilatoj kaj la vivmaniero de la oficiro Bonaparto estis la kutimaj kaj normalaj de la militistoj de tiu tempo kaj socio. Al tiu epoko apartenas la plej antikva portreto de Napoleono, desegnita de lia korsika amiko Pantornini.


Napoleono 16-jara

En junio de 1788 Napoleono estis translokita al Auxonne. Ĝenerale, li bone rilatis kun la ceteraj oficiroj, siaj kunuloj. Sed en iu okazo li havis disputon kun iu oficiro nomata Belly de Bussy kaj la afero danĝeris konduki al duelo, sed la interveno de komunaj amikoj sukcesis solvi la disputon pace. Cele helpi sian patrinon, Napoleono akceptis gastigi sian fraton Ludovikon, kiu tiam estis 11-jara, en sia loĝejo en Auxonne. Napoleono instruis la knabon pri katekismo por lia unufoja komuniiĝo kaj kuiradis por ambaŭ ĉar la mono ne abundis en la familio Banaparto. Napoleono daŭre legadis kaj studadis intense. Ŝajnas ke lia intereso pri la instruiĝo estis pro tio ke li en tiu epoko esperis fariĝi verkisto. Inter la temoj de lia intereso estis historio, geografio, scienco kaj ĉio rilate al la militista arto. La biografioj ne estis lia ĉefa intereso. En tiu epoko li pli interesiĝis pri la socia situacio en Francio. Li konstatis ke estis granda malriĉeco kaj maljusteco same kiel koruptado en la altaj sociaj sferoj. En novembro de 1786 li skribis en sia not-kahiero: ***Ni estas membroj de potenca monarkio, sed hodiaŭ ni perceptas nur la malvirtojn de ĝia konstituo***. Same kiel multaj homoj de sia epoko, Napoleono sentis la neceson je reformoj. Cele klarigi al si kian tipon je reformo oni devus apliki, li komencis lerni historion kaj politikan teorion: ***La Respubliko*** de Platono, historio de Egiptujo, Grekujo, Ĉinio… sed ankaŭ pri la historio de Francio kaj Anglio dum Mezepoko, kaj dediĉis specialan atenton al la studo de la Reformacio, ĉefe en Anglio. Kaj kiel multaj samtempanoj liaj, Napoleono sentis entuziasmon pri la verkaro de Rousseau. En sia formiĝanta karaktero li simpatiis al la subpremitoj kaj estis al li malagrabla la tiraneco. Li venis al la konkludo ke la bazo kaj origino de la problemoj de Francio estis la reĝa povo. Li kontemplis kiel solvo al tiu problemo ian Konstitucion kiu garantius la popolajn rajtojn kaj ke la reĝo agadu en la defendo de la ensemblo de la interesoj de Francio. Resume, oni konstatas ke Napoleono volis por Francio reformon cele atingi konstitucian monarkion regantan favore al la popolo.

Plifortigis tiun senton la evoluo de la situacio en Korsiko. Post la morto de la gubernestro Marbeuf, en septembro de 1786, la insulo estis administrata de la Ministrejo pri Financo, kaj de tiam la regado estis efektivigata de aro da burokratuloj kun la celo malgrandigi la ŝtatajn elspezojn. Letizia, la patrino de Napoleono, ne ricevis la subvencion kiun oni devus pagi al ŝi pro faritaj oficialaj servoj de ŝia edzo. Dume la vivkosto pli-altiĝis pro la financaj malfacilaĵoj de Francio, do la situacio de la familio Bonaparto estis neeltenebla. Napoleono postulis justecon por sia familio kaj tiucele li iris al Parizo por intervidiĝi kun la funkciulo al kiu koncernis la kazo. Li precizigis la sumon kiun oni ŝuldis al sia familio, sed krome li pasie aldonis ke nenia monkvanto povus kompensi la humiligon kiun suferas homo kiam oni devigas lin ĉiumomente konscii pri lia submetiĝo. La Ministrejo ne pagis al Letizia, kaj Napoleono daŭre faris postulojn kaj esprimis plendojn. Tiu situacio akcentis en la animo de Bonaparto lian rifuzo-senton pri la franca superregado en Korsiko kiun ĝis tiam li kaj lia familio iamaniere estis akceptintaj. Liaj notoj kaj aliaj skribaĵoj de tiu epoko plenas je rifuzo al la franca regado super Korsiko kaj la tipo je aŭtoritato kiu subtenas kaj generas tian situacion.

Sed en tiu epoko ne estis klare al Napoleono Bonaparto la tipo je vivo kiun li volus doni al si mem. Kiuj estis liaj aspiroj? Se tio ankoraŭ ne estis klare, ja, evidentiĝis per liaj skribaĵoj ke estis en li iaj pripolitikaj kaj prisociaj idealoj. En eseoj aŭ romanoj verkitaj de li en tiu epoko aperas herooj kiuj celas la justecon kaj la bonon de la popolo. Evidentas ke tiuj fikciaj protagonistoj estas simboloj de li mem, tio estas, li perceptis sin mem kiel tiaj idealaj modeloj de heroeco kaj kavalireco, kiuj, iamaniere, respegulis ankaŭ la korsikan lideron Pascal Paoli, kiun Napoleono daŭre konsideradis imitinda modelo.

Dum Napoleono studadis en sia malgranda garnizono socipolitikajn reformo-planojn kaj pripensadis la vivotipon kiun li volis por si, la franca socio senĉese antaŭmarŝadis direkte al ega krizo. La vintro inter 1788 kaj

# La triumfo de la aŭdaco



# Napoleono Imperiestro

La nestabila politika situacio rezultinta de la fiasko de la Granda Revolucio ne havis alian eliron krom la plifirmigon de la persona povo de tiu bonŝanca militisto kiu, en la daŭro de malmulte da tempo, konkeris la simpation de la francoj kaj pruvis esti kapabla efike regadi la landon. Napoleono Bonaparto, fakte, estis la sola garantio eviti la restariĝon de la Borbona monarkio, kaj la politikistoj kiuj abomenis tian evoluon de la situacio komprenis la neceson plifortigi la reĝimon kontrolata de tiu homo kiu en 1804 estis regante Francion kiel Unuaranga Konsulo. Naskiĝis, do, nova reĝa dinastio, tiu de la Bonapartoj, sed sub formo de Imperio por eviti la proskribitan reĝecon. La politika modelo estis prenita el la Romia historio, sed Napoleono ĝuste taksis la feblecon de reĝimo manka je tradicioj. Mil jarojn post la kronado de Karlomagno, Napoleono volis sin proklami kiel la sekvanto de la antikva imperiestro de Okcidento. Kiel sciate, ekde Karlomagno la imperiestroj de Okcidento estis kronitaj de la papo de Romo. Intencante konekti kun la miljara tradicio, Bonaparto volis ke ankaŭ la ceremonio de sia kronado estu prezidata de la ĉefpontifiko de la katolikismo. Sed li volis ankaŭ ke la ceremonio okazu en la pariza katedralo de ***Notre Dame*** kaj ne en Romo. La tradicia kutimo de la imperiestraj kronadoj estis ke la kronotuloj adresiĝu al Romo por la celebrado de tiu ceremonio; tiele okazis ekde Karlomagno, dum Mezepoko kaj eĉ poste. Sed Napoleono volis montri ke sia povo superis tiun de la antaŭaj imperiestroj de Okcidento. Ĉiukaze, tiam li estis sufiĉe potenca en Italio por ke la papo sin sentu devigita vojaĝi al Francio laŭ lia volo.

Dum sia irado al Parizo, la papo Pio la 7-a trovis survoje, en Italio kaj en Francio, grandajn popolajn elmontrojn de pietato kaj respekto. Multaj el la homoj partoprenantaj en tiu spontana omaĝado al la ĉefpontifiko de Romo estis kamparanaj beneficuloj de la eksproprigo de la ekleziaj posedaĵoj dum la Revolucio, kiujn Bonaparto estis distribuante inter la kamparanaro. Neniel ili dezirus reveni al la feŭdeco de la Malnova Reĝimo, tamen ili daŭre respektadis la eklezian rolon de la papo kaj la religion kiun li pretendis reprezenti. Tio eksplikas ke la Eklezio, kaj la religio ĝenerale, supervivis la Malnovan Reĝimon kaj aliajn politikajn reĝimojn, eĉ se merĝita en krizo kiu pludaŭras. La tempo de la mensa evoluo de la popoloj estas malsama, kaj pli malrapida, ol la politika evoluo de la socio. Ĉiukaze, kiam Pio la 7-a alvenis al Parizo, li ne trovis tie multe da fido kaj pietato, kvankam, jes ja, respekton. Parizo estis la vera sidejo de la Revolucio, kaj la revoluciaj ideoj daŭre estis vivaj en la pensmaniero de la homoj eĉ se ne en la novaj politikaj institucioj. Kelkaj el la gravaj figuroj de la Revolucio kaj de la tiama bonapartismo, kiel Talleyrand, Fouché kaj Sieyès, estis antikvaj pastroj kiuj forlasis tiun oficon kaj ne volis reveni al ĝi. Pri tiu afero kaj pri la eksproprigo de la ekleziaj posedaĵoj la papo povis ŝanĝi nenion. Li devis kontentiĝi kun la restarigo de la religia kulto, kiu, iamaniere, rilatis ankaŭ kun la familio de Napoleono. Ja, Jozefina, kiun oni estis krononta kiel imperiestrino, kun lerta diplomatio komunikis al la papo ke ŝi ne estis edziniĝinta laŭ la ekleziaj normoj. Estis neeviteble haste celebri la religian geedziĝon en la Louvre-palaco la nokton antaŭ la kronad-ceremonio.

La 2-an de decembro de 1804 Napoleono fariĝis imperiestro de la francoj. Lia familio ĉeestis la ceremonion en la katedralo de ***Notre Dame***. Tiu malgrava

korsika familio travivis en la daŭro de dek jaroj tre eksterordinaran altrangiĝon frukte de la aŭdaco de unu el ĝiaj membroj. De antaŭ jarmilo, la tradicia kutimo de la kronado de la imperiestroj de Okcidento estis ke la papo surmetu sur la kapo de la kronatoj la simbolon de la imperiestra povo. Bonaparto ne respektis tiun tradicion. Li prenis la kronon el la altaro kaj kronis sin mem. Poste li kronis Jozefinon kiel imperiestrino. Spontana aŭ ne, la faro ne estis antaŭe interakordita kun la papo. Ĉi tiu protestis poste kaj postulis ke la incidento ne estu menciata de la presaro. Oni koncedis al li tion sed la imperiestro estis proklaminta sian superecon rilate al la religia povo. En ***Notre Dame*** Napoleono ĵuris sur la Biblio konservi la liberecon, la egalecon kaj la posedaĵon de tiuj kiuj estis akirintaj naciajn bienojn, kaj la teritorian integrecon de la Respubliko. Tiu ĉi ĵuro devigis lin ne cedi pri la afero de Belgio kaj de la rejnaj provincoj.

La etapo de la Imperio tiam komenciĝanta karakteriĝis, same kiel la ceremonio de la kronado, per stranga miksaĵo de elementoj de la tradicio kaj novaĵoj alportitaj de la Revolucio. Napoleono kreis iun kortegon, ceremoniaron, nobelaron… En 1804 li elektis marŝalojn de la Imperio kaj poste ian imperian nobelaron. Li kreis princojn, kiel Berthier, princo de Neuchâtel; Talleyrand, princo de Bénévent; kaj dukojn, kiel Fouché, duko de Otranto; Davout, duko de Auerstädt kaj princo de Eckmühl, kaj aliaj. En la daŭro de ok jaroj li kreis kvar princojn, 30 dukojn, 388 grafojn kaj 1.090 baronojn. Jozefina kaj la princinoj fratinoj de la imperiestro disponis je honor-damoj. Kurioze, tiu ĉi nobelaro de la Imperio supervivis la imperiestron mem. La Honora Legio konservas sian prestiĝon ankoraŭ nuntempe. Tamen li, persone, tute ne similis al la reĝoj de la Malnova Reĝimo. Sia plej granda plaĉo estis sia laboro; li laboradis ĝis 20 horoj ĉiutage sen aspekti laca. Tielan labordediĉon li postuladis ankaŭ de siaj ministroj, sekretarioj kaj ceteraj kunlaborantoj. La laboro estis la ĉefa afero por li. Tiuepoke tre estis malpliiĝinta lia altiro al Jozefina. Cetere, ne mankis al li virinoj, amoristinoj inter la korteganinoj, kiel Mademoiselle Georges. Sed kvankam li havis inojn, ĉi tiuj ne havis lin, kaj ili havis nenian influon sur la persono kaj la agoj de Napoleono. Ankaŭ ne lia familio havis influon sur li kaj lia politiko. Sed tamen li tre faris favore al la altrangiĝo de lia familio kaj plibonigo de la situacio de ties membroj. Lia patrino ricevis tre malavaran pension. kaj ni vidos ke dum la brila etapo de la Imperio liaj fratoj kaj bofratoj ricevis de li reĝajn kronojn de iuj eŭropaj teritorioj.


Batalo de Trafalgar

Napoleono naive pensis ke estante kronita en ***Notre Dame*** li estus akceptata en la klubo de la legitimaj monarkoj, sed la afero estis tute alia. La aŭstria aristokrataro estis rezoluta humiligi la arogantecon de tiu «fortuna soldato». Anglio organizis novan aliancon kontraŭ li. La koalicio estis konstituita de Anglio, Aŭstrio, Rusujo, Svedio kaj poste ankaŭ Napolo, kaj celis revenigi Francion al ĉi ties antikvaj land-limoj. Napoleono reprenis sian antaŭan planon invadi Anglion tramare kaj tiucele reaktivigis la konstruadon de la necesa floto en Boulogne. La floto konsistis el dumil ŝipoj, kaj la imperiestro estis plenkonvinkita ke la operacio estus ebla se oni havus sufiĉe da aŭdaco por entrepreni ĝin. Li kalkulis ke la tranavigado de la mararmeo povus esti efektivigata sendanĝere se oni disponus je unu aŭ du tagoj kun nebulo en la Manika Markolo, ĉefe se oni sukcesus altiri la anglan floton malproksimen de tiu loko. Lia plano estis meti sur la angla teritorio armeon je 130.000 soldatoj, kaj li esperis ke la popolaĉo de Londono akceptus la francojn kiel liberigantojn. Li subtaksis Anglion kaj ankaŭ la marajn danĝerojn. Liaj admiraloj ne estis tiel optimistaj kiel li pri tiu afero kaj pro tio li tre estis indignita kontraŭ ili, sed la franca floto restis blokita en Tulono kaj Brest. Napoleono ordonis al la admiralo Villeneuve, kiu komandadis franc-hispanan mararmeon, tuj reveni kaj altiri la anglan ŝiparon al la Antiloj. Sed tiu admiralo ne sukcesis reunuiĝi kun la cetero el la franca floto kaj devis rifuĝi en la hispana haveno de Kadizo. Cele deturni la atenton de la angloj el la ambicia plano de la invado de Anglio, Napoleono translokiĝis al Italio kaj tie li ricevis la feran kronon de la reĝoj de Lombardio. Eugène de Beauharnais, filo de Jozefina, estis nomumita vicreĝo. La titolo estis oferita antaŭe al Jozefo kaj Ludoviko, fratoj de Napoleono, sed ambaŭ rifuzis ĝin ĉar ili aspiris al plej altaj tronoj, eĉ tiu de Francio.

Sed la celo de la kampanjo estis Aŭstrio. La 23-a de aŭgusto la imperiestro komunikis al Talleyrand ke li sin pretiĝis marŝadi kun sia armeo destine al Vieno. Komandante tiun armeon al kiu jam oni nomadis ***Grande Armée***, Napoleono transiris la Rejno-riveron. La aŭstra generalo Mack, kiu estis avancinta ĝis Ulm, subite konstatis ke Napoleono troviĝis inter li kaj Vieno. La franca armeo konsistis el 186.000 homoj, 44.000 ĉevaloj kaj potenca artilerio. La aŭstria armeo en tiu fronto estis simile potenca. En la interfrontiĝo de ambaŭ armeoj, la francoj kaptis 30.000 aŭstrajn soldatojn. Mack kapitulacis en Ulm, la 20-an de oktobro, post preskaŭ nula rezistado, kaj rezulte de tio Napoleono kaptis kromajn 32.000 aŭstrianojn kun ĉi ties militekipaĵo. La generalo Mack restis libera dum la kaptitaj soldatoj estis senditaj al Francio por realigi pun-laboradon. Poste la franca armeo rapide avancadis tra la aŭstria teritorio kaj la 13-an de novembro Napoleono

triumfe penetris en Vienon kaj elektis la palacon de Schoenbrun kiel rezidejon.
Sed ne ĉio estis venkoj kaj sukcesoj por Napoleono. La tagon post la kapto de Ulm, li eksciis ke la franc-hispana armeo komandata de Villeneuve estis detruita en Trafalgar fare de la angla eskadro komandata de Nelson kiu, tamen, pereis en la batalo. La rezulto de tiu batalo estis katastrofa por Francio –saviĝis nur naŭ ŝipoj el la potenca mararmeo kreita por invadi Anglujon– sed eĉ pli por Hispanio, kiu tiam estis aliancita al la franca imperio. Iu sekvo de tiu batalo estis ke Ferdinando, reĝo de Napolo, pensis ke estis proksima la fino de la franca imperio, rompis la pakton kun Napoleono kaj subskribis interakordon kun Anglio kaj Rusujo. Por la politiko de la imperiestro, la situacio estis tre grava; Anglio estis, pli ol ĉiam antaŭe, mastro de la maroj. Napoleono povus venki ĝin nur izolante ĝin el la kontinento. Tiucele li devus negoci kun la rusa caro, sed tiumomente ĉi tiu troviĝis inter la malamikoj de Francio. Fakte la armeoj de Aŭstrio kaj Rusio kune, komandataj de siaj respektivaj imperiestroj, estis atakante la francan armeon en la ebenaĵo de Austerlitz. Napoleono bone profitis la konon kiun li havis de tiu teritorio. La francoj disbatis la aŭstrian armeon kaj la rusoj estis pelitaj kaj altiritaj al la regiono de la glaciitaj lagoj. La franca artilerio rompis per kanonado la glaciitan supraĵon de la lagoj kaj tiele pereis per dronado grandkvanto da rusaj soldatoj. Tiu de Austerlitz estis iu el la ĉefaj batal-venkoj de Napoleono. Notindas ke ĝi okazis la 2-an de decembro, datreveno de la kronado de Napoleono kiel imperiestro.


Batalo de Austerlitz

Rezulte de Trafalgar, Anglio restis dominanto de la maroj, kaj rezulte de Austerlitz la Francio de Bonaparto restis kiel nediskutebla mastro en la kontinento. La koalicio inter Aŭstrio Kaj Rusujo restis ruinigita. La caro revenis al Moskvo kaj la aŭstra imperiestro konsentis pac-negocadi kun Napoleono. La angla ĉefministro Pitt asertis, iomete antaŭ sia tiam baldaŭa morto, ke ankaŭ li estis vundita en Austerlitz. En la pac-negocado, Napoleono postulis nenion al la caro car li deziris gajni ĉi ties amikecon. Sed Aŭstrio devis pagi multekostan prezon: en Germanio estis kreita la t. n. Rejna Konfederacio, estis forpelita el Napolo la borbona reĝo Ferdinando kaj la krono de tiu lando estis asignita al Jozefo, frato de Napoleono. Alia frato de la imperiestro, Ludoviko, kiu krome estis bofilo de Jozefina, ricevis la kronon de Nederlando; Elisa Bacciochi, la plej juna fratino de Napoleono, estis nomumita princino de Lucques kaj de Pombino; Paulina, alia fratino de la imperiestro, fariĝis princino de Guastalla; kaj Jeronimo estis devigita de lia frato Napoleono eksedziĝi el sia usona edzino kaj edziĝi al la princino Katerina de Württemberg. Eŭgene de Beauharnais, filo de Jozefina, fariĝis bofilo de la reĝo de Bavario. Tia monarĥia snobeco de Napoleono celis certigi al si la senkondiĉan apogon de lia familio, t. e. personoj kiuj ŝuldus ĉion al li kaj estus nenion sen li.
Reveninte al Parizo li dediĉiĝis remodli la politikan mapon de Eŭropo. Sed, antaŭ ĉio, li devis okupiĝi pri la ekonomia situacio, kiu troviĝis ĉe la rando de kolapso. Estis onidiro ke la Banko de Francio ruiniĝis kaŭze de spekulado far homoj kiel Ouvrad kaj similuloj, kio ne estis tute malvere. Napoleono reagis brutale: li admonis la spekulintojn redoni la monon subpune esti sendataj al la malliberejo de Vincennes. De tiam li absolute malaprecis la negocistojn, kio estis sufiĉe paradoksa teniĝo ĉar cetere li havis tre burĝan karakteron.
Post siaj militaj venkoj li esperis longdaŭran pacon. Forpasinte la angla ĉefministro Pitt, anstataŭis lin Fox, kiu entreprenis porpacan negocadon kun Francio, teniĝo kiun poste imitis Rusujo. La Rejna Konfderacio kiun Napoleono kreis meze de la jaro 1806, plifortigis lian povon en la ŭesto kaj la centro de Germanio. Tiu Konfederacio, konstituita de Bavario, Wurtemberg, episkopujo de Ratisbono, la grandaj duklandoj de Baden kaj Hesse-Darmstadt, la duk-landoj de Berg, Nassaŭ, kaj kromaj ok germanaj princ-landoj, elektis Napoleonon kiel sia “protektanto” kaj kompromisis provizi al li soldatojn kaze de milito. Tiamaniere definitive finiĝis la t. n. **Sakrala Romia Germana Imperio** kiu dum tuta jarmilo estis regata de la imperiestroj de Aŭstrio.
Sed la pacnegocado inter Francio kaj Anglio ne prosperis. La politikaj kaj ekonomiaj interesoj de la regantaj klasoj de Anglio estis tre domaĝitaj de la dominado de Napoleono sur duono el la eŭropa kontinento. Krome la franca imperiestro ne kontribuis faciligi la pac-akordadon; li senĉese prezentadis novajn postulojn. Lia tendenco al la aŭdaca agado ofte pelis lin al malprudentaj decidoj ne sufiĉe pripensitaj. Kun la morto de Fox la ebleco je pacakordo definitive ruiniĝis.
Krom tio, la Rejna Konfederacio signifis gravan minacon por Prusio. La altrangaj militistoj ariĝis ĉirkaŭ la reĝino Ludovikino por fari premon sur la hezitema reĝo Frederiko Vilhelmo la 3-a por alfronti la napoleonan danĝeron. Ĉi-foje la franca imperiestro intencis agadi akordiĝeme, sed Prusio mobilizis siajn armeojn en Magdeburgo kaj sendis ultimaton al Napoleono postulante ke li ordonu la tujan retroiron de ĉi-ties trupoj el la sudo de Germanio. Temis pri klara milit-deklaro.

# Konstante militadi:



# Fatala destino de la Imperio

Same kiel iuj antaŭaj imperiestroj de Okcidento: Federiko la 1-a, Karolo la 5-a, Karlomagno mem… Napoleono estis tute nekapabla konstrui stabilan kaj pacan politikan situacion. Ili gajnis batalojn, militojn, sed ĉiam perdis la pacon; ilia lerteco sur la batalkampoj ne respeguliĝis poste en la diplomatia demarŝado. En la kazo de Bonaparto, ĉiu dispozicio trudita de li en la pacnegocado enportis la semon de novaj konfliktoj kiuj, cetere, konkretiĝis tre baldaŭ poste. Kvankam Napoleono admiradis la prusian armeon kaj havis nenian deziron konkuri kun tiu lando, lia politiko en Germanio vekis timon kaj malkonfidon en la berlina kortego. Fredreriko Vilhelmo, reĝo de Prusio, kiu ne volis partopreni en la koalicio de la antaŭa jaro kontraŭ Napoleono sin sentis devigita fari militon kiun, cetere, li ne deziris. Li sendis al la franca imperiestro ultimaton kies limdato estis la 8-a de oktobro. Napoleono akceptis la defion kaj entreprenis militkampanjon kiu, pro ĝia rapideco, estis nomita de la prusianoj ***Blitzkrieg***, fulma milito. Transiĝinte la Rejno-riveron, la franca armeo venkis ok tagojn poste la malamikon en Saalfeld, kie pereis Ludoviko Ferdinando, la ĉefa el la princoj de Prusio. La unuaj venkoj de la francaj trupoj tute demoralizis la prusan armeon kiu kapitulacis kelkloke kaj fuĝis antaŭ la malamiko. La feŭda kaj absolutisma prusia ŝtato, industrie malevoluinta troviĝis antaŭ ia ŝtato transformita de la Revolucio, kiu estis metinte finon al la feŭdeco kaj la servuteco, potencigante la ekonomion. La prusa armeo estis respegulaĵo de socio bazita sur la servuteco. La oficiroj akiris sian armean rangon pro sia aparteno al la nobelaro, kaj la soldatoj estis kamparanaj servutuloj devigitaj obei siajn superulojn kaj batali favore al ĉi-ties klaso.

Post sia venko en Saalfeld, Napoleono intencis interakordi pacon kun Prusio kaj tiucele sendis al la reĝo Frederiko mesaĝon oferante meti finon al la militado. Sed la kortego de Berlino rifuzis la oferon kaj estis necese batali denove. La avangardo de la franca armeo alvenis al Jena, dum la lastaj horoj de la 13-a de oktobro de tiu jaro 1806, komandataj de la marŝalo Jean Lannes; poste alvenis la cetero el la trupoj komandataj de la imperiestro mem. Entute, en Jena estis 96.000 francaj soldatoj kun 120 kanonoj kontraŭ 54.260 prusoj kiuj havis 152 kanonojn. Sed la saman tagon, la 14-an de oktobro, okazis alia batalo en la urbeto Auerstädt, distance 15 kilometrojn el Jena, en kiu partoprenis 28.880 francoj kun 46 kanonoj kontraŭ 63.000 prusoj kun 163 kanonoj. En Jena la batalado komenciĝis per malprudenta atako komandata de la franca marŝalo Michel Ney, kiun devis esti savata de la kavalerio el kompleta detruado far la prusaj trupoj. La posta avancado de la ĉefa korpo de la franca armeo subkomande de Murat igis retroiri la prusan armeon, kiu rezultis finvenkita. Napoleono pensis ke li estis kontraŭbatalante en Jena la ĉefan armean forton de la malamiko dum la tuta tago kaj

sciis nenion pri la samtempa batalado en Auerstädt ĝis la vesperfino kiam alvenis la kolonelo Falcon, adjutanto de la marŝalo Davout kaj informis lin pri la granda venko atingita de la francaj trupoj en tiu batal-kampo.
Sekve de tiuj batal-venkoj, la franca armeo avancis senreziste kaj kaptis la urbon Erfurt kaj fine, la 27-an de oktobro, Napoleono, akompanata de kvar el siaj marŝaloj kaj ĉirkaŭŝirmata de sia gvardio, triumfe eniris en Berlinon je la sono de la Marsejlhimno kaj instaliĝis en la kastelo de Sans Souci. Tie li alproprigis al si la glavon de Frederiko la Granda. La prusa kortego estis forlasinte tiun urbon por sin rifuĝi en Menel, en la limo de sia imperio. Tuta Prusio troviĝis submetita al Napoleono; li troviĝis tiam en la plej alta pinto de sia povo. Li estis definitive frakasinta kvar gravajn eŭropajn potencojn kaj lia venko estis la plej kompleta kiun Eŭropo estis koninta ĝis tiam. La germanaj ŝtatoj haste oferis al li sian totalan submetiĝon. Li elektis kiel rezidejo la palacon de Postdam. Sed por ke la sukceso estu definitiva li devus submetigi ankaŭ Anglujon kaj Rusujon. Kontraŭ la unua Napoleono dekretis kontinentan blokadon la 21-an de novembro de tiu jaro 1806 malpermesante en Eŭropo ĉiun komercadon kun la angloj. Restis nur devigi la caron apliki la dekreton, kaj tiucele Napoleono entreprenis la invadon de Polujo.


Batalo de Eylau

La blokado kontraŭ Anglio estis la kialo de ĉiuj ekonomiaj kaj politikaj problemoj kiujn devis alfronti la imperio de Napoleono. Oni ordonis la arestadon de ĉiuj anglaj nacianoj kaj oni baris ĉiun komercadon kaj korespondadon kun Anglujo. Sed por ke tiuj dispozicioj estu efikaj estus necese ke ĉiuj eŭropaj landoj plenumu ilin. Ĉar Rusujo ne apogis tiun politikon, Napoleono sin vidis pelita daŭrigi la konkeradon de la eŭropa kontinento. Pere de sia ministro pri Eksteraj Aferoj li sendis instrukciojn al ĉiuj landoj submetitaj al li por la efektivigo de la blokado. Krome li ordonis la okupadon de la bordo de la Norda kaj Balta maroj por eviti la eniradon de anglaj varoj. Do, en la kontinento restis al Anglio nur la rusa apogo. La caro Aleksandro sin oponis al la blokado ĉar tio signifus la ruinon de la rusa eksportado de agrokulturaj produktaĵoj. Aliflanke li vidis la rusan landlimon subminace pro la senĉesa ekspansio de la franca imperio. Tial li mobilizis kroman rusan armeon kiu ekiris direkte al Polujo kie jam estis enirintaj la francaj trupoj.
Napoleono instaliĝis en Varsovio kaj pacience atendis ne por batali kontraŭ la rusa armeo sed por gajni la amikecon de la caro Aleksandro. Sed estis alia afero, pli interesa, kiu retenis lin en tiu urbo: li ekkonis Maria-Valevskan. La grafino Maria Valevksa estis 18-jara blonda junulino edziniĝinta al iu riĉega pola grafo kiu havis nepinojn malpli junajn ol ŝi. Napoleono konis ŝin en iu oficiala akcepto-festo kiun la polaj altranguloj faris al li. Tiam li sentis fortan pasian altiron al ŝi kaj dum kelkaj tagoj li sendadis al ŝi mesaĝojn komunikante la ardan deziron kiun li havis renkontiĝi kun ŝi. Post kelktaga rezistado S-ino Valevska konsentis cedi al la amor-pretendojn de la imperiestro, ĉefe ĉar sia propra familio premis ŝin fari tiun elpaŝon kun la espero ke el tio rezultus favora okazo por la sendependiĝo de Polio. Tiu afero iome apartigis Napoleonon, dum iom da tempo, el la primilita kaj pripolitika zorgado. Tamen, li fine devis alfronti la situacion kreitan de la rusa milita intervenο. Ĉi tiu milito kontraŭ la rusoj ne estis tiel fulma kiel tiu okazinta la antaŭan jaron kontraŭ la prusoj. La militaj operacioj okazis dumvintre, la neĝo kovris la terenon. Tiaj cirkonstancoj estis favoraj al la rusoj. Krome la provizaĵoj de la ***Grande Armée*** estis malabundaj. Post kelkaj malgravaj interfrontiĝoj inter la franca kaj la rusa armeo, okazis grava batalo en Eylau inter la 7-a kaj la 8-a de februaro de 1807. Eble influita de la facileco de siaj antaŭaj venkoj, Napoleono permesis al siaj trupoj ian plej grandan disiĝon ol kutime. Male, la rusaj trupoj komandataj de Bennigsen estis pli koncentritaj. En Eylau, la francaj fortoj komandataj de la marŝaloj Soult, Murat kaj Augureau nombris 45.000 soldatojn kun 200 kanonoj. Bennigsen havis 67.000 trupanojn kaj 460 kanonojn. Ambaŭ armeoj atendis la baldaŭan alvenon de helpo-trupojn. Spite al la prefero de Napoleono, kiu ne deziris dumnoktan bataladon, la afero ne estis solvita fine la 7-a de februaro kaj ambaŭ armeoj perdis prosimume 4.000 homojn dum tiu nokto. Krome mankis nutraĵoj por ĉiuj tieaj batalantoj. Napoleono ne povis aranĝi bonan atakplanon kontraŭ la supera nombro da malamikoj kaj devis eloferi trupojn por gajni

tempon por la alveno je sufiĉgranda help-trupo. Sed Bennigsen sukcesis detrui la sepan korpuson de la franca armeo, komandata de Augureau. Sekve la rusaj fortoj adresiĝis kontraŭ la centro de la franca fronto. Napoleono troviĝis subdanĝere esti kaptita. Savis la situacion la 11.000 homoj de la kavalerio komandata de Murat kun la perdo de 1.500 homoj. Post 14-hora batalado ne estis certa kiu armeo estis la venkinto. Estis klare nur tio ke ambaŭ armeoj suferis grandajn perdojn: 25.000 rusoj kaj 20.000 francoj. Estis granda masakro sen klara rezulto. La rusoj kantis unu ***Te Deum*** por konviki sin mem ke ili estis la venkintoj. Napoleono restis kiel mastro de la batalkampo sed ĉi tiu estis nura ebenaĵo plena je neĝo kaj kadavroj, la rusa armeo tute ne estis detruita. Dum la cetero el la vintro la soldataro de ambaŭ armeoj restis sur la tereno konservante siajn poziciojn sed sen batalado, suferante malvarmon kaj malsaton. Napoleono volis resti tie suferante kun siaj trupojn la penojn de la militfronto, en la antikva prusa fortreso de Finckenstein, kaj ne revenis al Varsovio, al la brakoj de S-ino Valevska. Ĉi tiu gravediĝis poste rezulte de sia amafero kun la imperiestro de Francio.

La alveno de la printempo ebligis la reigon de la militaj operacioj, kaj ĉi-foje en kondiĉoj pli favoraj por la francaj trupoj. La 14-an de junio de 1807, datreveno de la venko de Marengo, la napoleona armeo definitive venkis la rusajn trupojn en Friedland. La juna caro Aleksandro devis forfuĝi sen gvardio, sen kanonoj, sen flagoj… Li devis kapitulaci kaj, ĉagrenita kontraŭ siaj alianculoj, li petis rendevuon kun Napoleono. La intervidiĝo okazis en Tilsit, en tendoj muntitaj sur unu floso meze de la lago Niemen. La 25-an de junio ambaŭ imperiestroj renkontiĝis unuafoje kaj de tiam, dum kelkaj tagoj kaj en amikeca etoso, ili pridiskutis pacotraktaton. En la paco-kondiĉoj ĉi-foje Napoleono estis malavara, grand-anima, sed nur kun la rusa caro, ne kun la prusia reĝo Vilhelmo la 3-a kiu aldoniĝis al la paco-negocado en Tilsit. La rango de Prusio estis tre malaltigita. La imperioj franca kaj rusa interakordis dividon de orienta Eŭropo. La prusaj teritorioj ŭeste de la Elba-rivero, kune kun la granda dukujo de Hesse kaj Hannover estis aldonitaj al la regno de Vestfalio kies krono estis asignita al Jeronimo, frato de Napoleono. La polaj provincoj de Pozman kaj Varsovio, deprenitaj de Prusio, konstituis la grandan dukujon de Varsovio, kiun oni transdonis al la reĝo de Saksio. Rusio interakordis aliancon kun Francio kaj akceptis la kontinentan blokadon kontraŭ Anglujo. La intervidiĝo de ambaŭ imperiestroj kulminis la 8-an de julio. Napoleono revenis al Parizo la 27-an de julio, kaj la 15-an de aŭgusto li festis la 38-an datrevenon de sia naskiĝo kun eksterordinara pompo. Lia povo ŝajnis nediskutebla. En la lando estis nenia opozicio, cetere ĝi ne povus respeguliĝi en la presaro kontrolata de la registaro.


Paco-traktado de Tilsit

Decas mencii ĉi tie ke Bonaparto ne kondutis dece kun Maria Valevska. Ĉi tiu naskis al li filon, kaj pro tio Napoleono komprenis ke li povas esti patro. Do, se ĝis tiam li ne sukcesis tiurilate, la problemo estis Jozefina. De tiam li serioze pripensis la eblecon je eksedziĝo el ŝi. Ĉiuj esperis ke li edziĝu al Maria Valevska kaj nomumu ĉi ties filon heredonto de la imperio. Sed Bonaparto daŭre estis viktimo de sia primonarkia snobeco. Li deziris edziĝi al princino el reĝa familio en sia emo esti akceptita de la kronitaj kapoj de Eŭropo. Cetere li, prave, sin sentis ne sufiĉe sekura; sia altrangiĝo estis tro rapida, tro brila… Li komprenis ke li devus esti zorgema konservi la aliancon kun la caro; la situacio de Napoleono multe dependis de la teniĝo de la rusa monarko, kaj ĉi tiu persono ne ŝajnis tute fidinda… Resume, lia imperio havis nefirman bazon, ĝi ne estis stabila aranĝo. Krome Anglio daŭre estas la sendiskutebla mastro de la maroj, kaj la prikomerca blokado kiun li dekretis kontraŭ tiu potenco, eĉ se formale akceptita de ĉiuj en la kontinento, estis malfacile subtenebla. Ne nur Anglio suferas la sekvojn de tiu dispozicio, la blokado efikas malfavore ankaŭ sur la cetero de Eŭropo. Napoleono mem sin sentis devigita koncesii kelkajn licencojn por komercado. Speciala kazo estis tiu de Portugalio. La ekonomio de ĉi tiu lando multe dependis de la komercado kaj bona rilato kun Anglio. Napoleono decidis ke li devos interveni en la Iberia Duoninsulo, la plej febla ĉenero el la ĉeno de sia imperio. Imperio forĝita per militado kaj perforto estas fatale destinita konstante militadi.

# Malfluso ekde 1808



# La hispana marĉo

La politiko de la imperiestro por kontraŭbatali la britan povon rezultis pli domaĝa ol la problemo kiun oni intencis solvi per ĝi. Ja, la kontinenta blokado al la komercado kun la angloj estis ruiniga ankaŭ por la landoj, aliancitaj aŭ submetitaj, kiuj efektivigis tiun blokadon, kaj eĉ por Francio mem. Komenciĝis organiziĝi kontrabando, kelkaj havenoj estis malfermitaj al la anglaj ŝipoj, Svedio komercadis kun Britio, ankaŭ la ŝtatoj de la Eklezio. Pli grava estis la kazo de Portugalio, kaj ankaŭ Hispanio zorgigis Bonaparton: la Iberia duoninsulo estis ĉirkaŭata de maroj kontrolataj de la angla floto kaj en tiaj cirkonstancoj rezultis neeble garantii la aplikadon de la dekreto pri blokado. Napoleono konceptis politikan planon por pli efika kontrolo de Hispanio kaj Portugalio. Krome li ordonis al la generalo Miollis okupi Romon, kio okazigis konflikton kun la papo. Dume, atinginte la permeson de la hispana reĝo por la trairo de la lando far la francaj trupoj, Junot estis sendita komandante armeon kies celo esti okupi Lisbonon. La reĝa familio de Portugalio estis ĵus forlasinta la landon por adresiĝi al Brazilo per iu angla ŝipo.

Sed, kiel dirite, la atento de Napoleono adresiĝis ankaŭ al Hispanio. La politika situacio en tiu lando estis sufiĉe komplika. Ekde 1788 reĝadis ĝin Karolo la 4-a, homo tute nekapabla por la regado, sed pri tiu tasko okupiĝis la juna favorato Godoj, eĉ pli malkapabla ol la reĝo mem, kaj kies solaj meritoj estis tiuj akiritaj en la lito de la reĝino. Post la partopreno de la lando en la koalicio kontraŭ la Franca Revolucio, de antaŭ kelkaj jaroj Hispanio estis aliancita al Napoleono kaj ĉi ties reĝimo. Iu sekvo de tiu alianco estis la malvenko de Trafalgar antaŭ la angla floto, per kiu Hispanio perdis sian mararmeon, io ege grava por lando kiu havis ampleksan kolonian imperion en Ameriko kaj Pacifiko. La tuta hispana popolo abomenadis ties malkapablajn regantojn kaj metis sian esperon sur la juna princo Ferdinando. Estis komploto por la kapto de la reĝa povo favore al tiu princo sed la afero fiaskis. Napoleono konsideris ke la situacio en Hispanio estis matura por la forpelo de tiu borbona dinastio kaj ties anstataŭo per reĝo nomumita de li. Dum Junot okupadis Portugalion sen ia ajn reago far la popolo de tiu lando, eniris en Hispanion alia franca armeo komandata de Murat. Neniu en la lando sciis kiel interpreti la situacion. En la dubo, la reĝa familio pretiĝis imiti tiun de Portugalio kaj forkuri destine al la amerikaj kolonioj. Sed okazis popola ribelo kiu devigis la reĝon Karolon abdiki favore al sia filo Ferdinando. Murat, kiel bofrato de Napoleono, aspiris al la krono de Hispanio, kaj sekvante la instrukciojn de la imperiestro rifuzis agnoski la politikan ŝanĝon okazintan en la lando kaj komunikis al la tuta reĝa familio la ordonon aliri al Bajono por ke Napoleono decidu pri la konflikto. Bonaparto estis farante en ĉi tiu afero la plej gravan eraron de sia kariero; tion agnoskis poste li mem en siaj ***Memoraĵoj de Sankta Heleno***. Li pensis ke la hispanoj feliĉe akceptus lin kiel liberiganto, kaj eble estus okazinte tiele en aliaj cirkonstancoj. Sed Napoleono ne sciis prilabori tiajn cirkonstancojn. Pelis lin urĝo kaj optimismo: urĝo certigi la plenumadon de la kontinenta blokado en la iberiaj landoj, kaj optimismo generita de la sukceso atingita de li en antaŭaj politikaj entreprenoj. Cetere la afero komenciĝis bone por li. La portugala loĝantaro pasive akceptis la politikan ŝanĝon en la lando kaj ĉi ties

okupadon far la francaj trupoj. Kaj en Bajono la reĝa familio de Hispanio obeeme cedis al Napoleono la kronon de Hispanio kaj ĉi ties vasta kolonia imperio. Teorie, tiumomente Napoleono Bonaparto estis la plej alta suvereno en la mondo, reganto de grandega imperio ambaŭflanke de la atlantika oceano, krom ampleksaj teritorioj en aliaj mondpartoj kiel la filipina insularo k. a. Sed tio estis nur teorio; en kio koncernas al la ĵus akirita hispana imperio, la reala situacio estis tute alia. Baldaŭ komenciĝis la problemoj, kaj Murat, komandanto de la franca armeo dislokita en Hispanio, ne estis la plej taŭga homo por alfronti ilin.

Kiam oni intencis transloki al Francio la ceterajn membrojn de la reĝa familio –iujn geinfanojn–, okazis popola tumulto en la proksimaĵoj de la reĝa palaco de Madrido. La afero estis povinta resti kiel malgrava incidento se la franca responsulo estus aginte modere kaj saĝe. Sed Murat, kiu jam vidis sin mem kiel nova monarko de tiu granda regno, kondutis brutale kaj uzis la francajn soldatojn por pafi kontraŭ hispanaj civiluloj. Baldaŭ en la sama tago, la 2-an de majo de 1808, la ribelo etendiĝis al preskaŭ tuta ĉefurbo Madrido, kaj vespere aldoniĝis al la batalado kontraŭ la francaj trupoj iuj hispanaj garnizonoj. Tiam kaj dum la sekvaj tagoj, la 30.000 francaj soldatoj koncentritaj en Madrido kaj ĉi ties ĉirkaŭaĵoj dediĉiĝis perforte sufoki la ribelon, kaj tio okazigis centojn de viktimoj. La scio pri la afero etendiĝis al la tuta lando kaj la popola reago kontraŭ la franca okupado fariĝis ĝenerala kaj aperis ankaŭ en Portugalio, kaj baldaŭ poste ankaŭ diversloke en la hispanaj kolonioj de Ameriko kontraŭ la hispanaj aŭtoritatoj kiuj akceptis la laŭleĝecon truditan de Francio. Ankaŭ en Hispanio estis personoj kiuj, pro respekto al la formala laŭleĝeco aŭ pro oportunismo, poziciiĝis favore al la napoleona Francio, sed ĝenerale la popola reago estis pretiĝi bataladi kontraŭ tiu politika altrudo.

Dum du monatoj la ribeloj okazis diversloke en la lando kaj kelkaj francaj armeaj korpusoj adresiĝis al la zonoj kie la ribelo estis pli forta kaj sukcesis perforte sufoki plejparton el ili. Sed tiam la hispana afero ne vekis zorgiĝon en Parizo. Napoleono persistis apliki sian planon. La homo elektita de li kiel nova reĝo de Hispanio ne estis Murat sed lia frato Jozefo Bonaparto, kiu ĝis tiam estis reĝo de Napolo. Murat devis kontentiĝi anstataŭi Jozefon kiel napola reĝo. La ceremonio de la kronado de la nova hispana reĝo estis efektivigata la 25-an de julio, dato kiu tradicie estas grava festo en Hispanio. Tiumomente ankoraŭ oni ne konis en la ĉefurbo la rezulton de unu grava batalo kiu estis okazinte ĝuste unu semajnon antaŭe en Bailén. Andaluzio estas la plej suda regiono de Hispanio, kaj tie la ribelo kontraŭ la nova franca povo estis pli forta ol en aliaj lokoj en la lando. Tie la hispana militistaro ariĝis subgvide de la generalo Castaños kaj amase aldoniĝis al ili la civila socio. Unu franca armea korpuso de 20.000 homoj, komandata de la generalo Dupont, pretiĝis sufoki la hispanan reziston en tiu regiono. En la ebenaĵo inter Bailén kaj Andújar estis grava batalo en kiu okazis neatenditaĵo: la franca armeo estis venkita, la generalo Dupont kapitulacis kaj 20.000 francaj soldatoj restis









kiel militkaptitoj. Kiam disvastiĝis la scio pri tiu okazintaĵo, la ĵus kronita Jozefo Bonaparto forkuris el Madrido por alproksimiĝi al la franc-hispana landlimo, kaj ĉi-foje, jes ja, Napoleono devis kompreni ke la hispana problemo estis tre grava por lia imperio. La perdo de 20.000-homa armeo estis grava, sed eĉ pli katastrofa estis la efiko kiun tiu okazintaĵo povus fari sur la malstabila ekvilibro de lia politika sistemo en Eŭropo. Tiu ekvilibro estis forĝita surbaze de liaj militistaj venkoj kaj la timo kiun oni sentis pri lia ***Grande Armée***. Do, ĝi povus ruiniĝi se malaperas la timo kiam oni konstatas ke tiu Granda Armeo povas esti venkita de la trupoj, eĉ ne tute laŭ-regulaj, de iu malevoluinta lando kia Hispanio. Do, li decidis ke li mem devus komandi la militajn operaciojn en tiu lando.
Sed antaŭe li devus ŝirmi sian dorson, t. e. certigi al si ke dum sia hispana kampanjo ne estiĝos por li problemoj en centra Eŭropo. Tiucele li kunvokis kunvenon en Erfurt kun la caro kaj la germanaj princoj. Tiun altnivelan renkontiĝon ĉeestis ankaŭ gravaj figuroj de la arto kaj la literaturo, kiel Goethe. Napoleono, kiun akompanis lia ministro Talleyrand, klopodis impresi la princojn kaj reĝojn de sia alianco por ke ĉi tiu daŭre persistu en la komplikaj cirkonstancoj tiam travivataj de la imperio. Sed la caro evitis konkretajn kompromisojn, kaj kun pretekstoj evitis koncedi ke iu fratino sia edziniĝu al Napoleono. En Erfurt estis nenia malkaŝa opono al la franca imperiestro, sed la etoso, eĉ se formale kordiala, ne inspiris konfidon. Notindas ke tiam Talleyrand jam ne fidis pri la bonsorto de Napoleono kaj komencis intrigi kaj konspiri kontraŭ li kun iuj princoj, ĉefe la caro. Resume, el tiu renkontiĝo la franca imperiestro eltiris nenian utilon. Post sia lasta intervidiĝo kun la caro, Bonaparto komprenis ke la hispana afero estis por li tre multekosta je homoj kaj prestiĝo. Li devis translokigi trupojn ekde Germanio al la Pireneoj. Tio fariĝis urĝa tasko ĉar la angloj estis elŝipiĝante fortojn en Portugalio kaj Hispanio. La brita strategio estis kontroli la maron, kaj la insulojn kaj koloniojn de la malamiko, devigi ĉi tiun trolongigi ĉi ties terajn liniojn je provizado, kaj ataki ĝin en la loko kie eblus tramara proviantado, kaj liverado de armiloj kaj mono al siaj lokaj aliancanoj. La anglaj generaloj Arthur Wellesles (estonta duko de Welligton) kaj John Moore komandis bonajn trupojn de infanterio. La ĉeesto de Bonaparto en ĉi tiu nova fronto estis nepre necesa. Li adresiĝis al Hispanio kun 160.000 homoj, rekrutoj de 1810 kiuj estis alvokitaj antaŭtempe kun veteranaj soldatoj. Per tiu potenca armeo Napoleono povis reakiri la kontrolon de la norda parto de Hispanio kaj eniri en Madridon la 2-an de decembro de tiu jaro 1808. Tie li restaŭris sian fraton kiel reĝon de Hispanio, abolis la Inkvizicion kaj la feŭdecajn rajtojn, kaj fermis multajn konventojn. Per tiuj dispozicioj li devus gajni la apogon de la amasoj, sed en la stato de rompiĝo de la hispana socio kun la fremda invadinto, tio jam ne eblis. Kontraŭstaris lin tiel la reakciaj kiel plejmulto el la progresistaj fortoj de la lando. Tiuj fortoj batalos unu kontraŭ la alia laŭdaŭre de la sekvaj du









jarcentoj, sed tiam Bonaparto estis komuna malamiko de ambaŭ, eĉ se li ne kapablus kompreni tion.

De Parizo venis al Napoleono informo ke Talleyrand kaj Fouché konspiradas kontraŭ li. Li devis rapide reveni al sia ĉefurbo. Tie li admonis la ministrojn sed ne punis ilin; ili restis plenumante siajn politikajn taskojn. Malfeliĉe por la imperiestro, ili estis necesaj al li. Dume la franca loĝantaro malkontentis pro tiel senĉesa militado; pli kaj pli da soldatoj estis rekrutataj kaj sendataj al la militaj frontoj. La tiel delonge dezirita paco ne alvenis kaj oni ne vidis la finon de tia situacio. En kio rilatas al la milito en Hispanio la situacio akiris ian neatenditan karakteron. La venko de la napoleonaj fortoj sur la regulaj armeaj fortoj, male ol tio okazinta en aliaj landoj, ne signifis la finon de la rezisto. Aperis iu nova faktoro: la popola rezisto La hispanlingva vorto por nomi la gerilon pasis al ĉiuj idiomoj en la mondo. La francaj trupoj devis alfronti tian manieron batali por kiu ili ne estis trejnitaj: embuskoj en la montaroj kaj strataj ribeloj en la urboj.

Plej malbone por Napoleono estis ke la hispana rezisto vekis la rezistemon de aliaj landoj submetitaj al li. En Prusio la profesoroj kaj la studentoj incitis la landon batali por liberiĝo. Aŭstrio reorganizis sian armeon. Anglio sendis ekonomian helpon. La katolikoj koleris pro la neinda trakto kiun estis ricevante la papo. En aprilo de 1809 la arkiduko Karolo atakis Bavarion. Napoleono devis plu militi. La afero fariĝis pli kaj pli malfacila. Tiam lia armeo estis konstituita de homoj tro junaj aŭ tro maljunaj. Sed li ree venkis la aŭstran armeon, kvankam koste de granda perdo je homoj, kaj eniris duafoje en Vienon.


Geedziĝo de Napoleono kaj Maria-Ludovikino

Dum la monatoj kiam Napoleono restis en la aŭstria ĉefurbo vizitis lin la polino Maria Valevska. Estis tiam kiam ŝi gravediĝis de li. Sed por edziĝo li pensis pri princinoj el reĝaj familioj. Tial ke ne sukcesis la demarŝoj por edziĝi al iu fratino de la caro, li faris planojn por atingi princinon el la familio de la aŭstria imperiestro. Tial, post lia venko en la batalo de Wagram kontraŭ la trupoj de la imperio, li sin montris ne tro postulema en la traktato kun tiu potenco, kaj ĉi-foje, jes ja, li sukcesis aranĝi la aferon de sia reĝa boparenciĝo. Al la aŭstria imperiestro Francisko interesis la afero ĉar tiele oni povus malfortigi, favore al Aŭstrio, la aliancon inter Francio kaj Rusujo. Tial li konsentis ke la 18-jara princino Maria-Ludovikino edziniĝu al la franca imperiestro. Sed antaŭe Napoleono devis solvi la aferon de sia eksekziĝo el Jozefina, kio estis nek facila nek rapida. Fine Jozefina rezignaciis, sed restis la kompliko de la eklezia kanonikeco de la geedziĝo de Napoleono kaj Jozefina. La papo, kiu tiam estis prizonulo de la franca imperiestro, ne volis konsenti pri la nuligo de tiu geedziĝo. Napoleono premis sur la franca klerikaro por ke ĉi tiu kontraŭstaru la decidon de la papo kaj deklaru la senvalidecon de la edziĝo de la imperiestro. Ŝajnas ke li havis sufiĉe da influo sur tiu eklezia kolektivo ĉar ĉi tiu aprobis lian decidon. Ĝuste kelke da tagoj antaŭ la geedziĝo de Napoleono kun Maria-Ludovikino, li eksciis pri la naskiĝo de filo lia kaj de la Valevska. Sed la snobeco de la imperiestro pelis lin eniri en la reĝan familion de la Habsburgoj. Li, kiu iam apartenis al la plej radikala sektoro de la Revolucio, fine enlitiĝis kun iu nevino de Maria-Antonieta. Post unu jaro, la 20-an de marto de 1811, la nova imperiestrino de Francio akuŝis filon de Napoleono al kiu oni asignis la titolon de “Reĝo de Romo”.

Dume la aferoj de Napoleono ne disvolviĝadis bone. Portugalio estis perdita, kaj Hispanio estis senĉesa problemo por la francaj trupoj. La katolikoj de la imperio estis malkontentaj pro la mistrakto kiun estis suferante la papo. Anglio daŭre rezistadis la kontinentan blokadon pli ol Napoleono estis supozinte. Dank al sia dominado de la maroj, Anglio kaptis la koloniojn, liberigis Sudamerikon kaj organizis egan kontrabandon en Eŭropo. Rusio permesis albordi en siaj havenoj 150 anglaj ŝipoj kun usona flago. Napoleono mem devis agnoski la faktan realaĵon kaj permesi la revendadon de iuj konfiskitaj varoj necesaj al Francio. Tre kurioza estis la kazo de Svedio. Kiam mortis sen heredonto la reĝo de tiu lando, la svedoj elektis kiel reĝon la francan ambasadoron, Bernardotte, iama generalo de la Revolucio kaj bofrato de Jozefo Bonaparto, kaj kontraŭ la espero de Napoleono, la nova sveda reĝo enviciĝis kun la rusa caro kontraŭ la interesoj de Francio. Do la balta maro restis malfermata al la brita komerco.

En 1812 pliakriĝis la konflikto de Napoleono kun la papo. Ĉi tiu rifuzis konsekri novajn episkopojn por Francio. La imperiestro reiris al sia sistemo uzi la francan klerikaron por flankenlasi la papan aŭtoritaton kaj meti finon al la valideco de la konkordato, kaj ordonis ke la papo estu alkondukata al Fontainebleau vestita kiel simpla pastro.

Sagacaj homoj kiaj Talleyrand perceptis tiujn fendojn kiuj minacis la stabilecon de la imperio kaj komencis manovri por sin meti eksterdanĝere de la ruino kiun ili estis antaŭvidante. Napoleono ne volis atenti pri la konspirado de siaj proksimuloj kontraŭ li. Dume la senlaboreco kreskis en Francio kaj estis malbonaj rikoltoj. La metiistoj kaj la laboristoj komprenis ke la politiko de blokado estis barante la eksportadon. En la francaj havenoj amasiĝis la nevenditaj varoj. La aspekto de la imperio ankoraŭ estis brila, sed oni intuiciis ke fine fariĝos neevitebla alia milito kontraŭ Rusujo kaj oni supozis ke la franca venko en tiu milito estos definitiva por certigi la francan hegemonion en Eŭropo.

# Sunsubiro en la stepo



# La kampanjo de Rusujo

La teniĝo de la caro rilate al Napoleono kaj ĉi ties politikaj planoj iompostiom fariĝis klare kontraŭa. La franca imperiestro intencis kiel eble plej solvi la aferon tra la diplomatia vojo sed liaj intervidiĝoj kun la rusa ambasadoro, same kiel tiuj de la francaj ambasadoroj kun la caro, fariĝis pli kaj pli akraj. La rusa monarko tre kontribuis frakasi la francan planon de komerca blokigo al Britio. Li tre maltrankviliĝis pro la interkonsento de Aŭstrio kaj Francio rezulte de la nova geedziĝo de Napoleono. La 25-an de aprilo de 1812 la caro Aleksandro ultimate postulis ke la francaj armeoj foriru el Prusio. Farinte nenian oficialan respondon Napoleono translokiĝis al Dresdeno kune kun sia edzino. Tie li kunvenis kun la imperiestro de Aŭstrio, la reĝo de Prusio kaj la germanaj princoj. Negocante kun ili, la franca imperiestro atingis kontingentojn da polaj, prusaj kaj germanaj trupoj. Eĉ se sufiĉe malplaĉe, ankaŭ la imperiestro de Aŭstrio konsentis provizi al Napoleono kontingenton je 30.000 homoj por la milito kontraŭ Ruslando. Tre optimisme, Napoleono promesis ke post tri monatoj la afero de Rusio estus finsolvita. Liaj strategiaj planoj baziĝis sur la perspektivo de tiel mallonga daŭro de la milito. Li decidis komandi per si mem la militajn operaciojn en Rusio. Entute, li disponis je armeo konsistanta el preskaŭ 600.000 homoj, –duono el ili fremdaj–, 40.000 ĉevaloj, 1.300 kanonoj kaj kelkmilo da furgonoj. La demarŝado de tiel ampleksa militmaŝino kreis grandajn problemojn de proviantado, subtenado kaj transportado kiuj submetis al provo la kapablon de Napoleono organizi tiajn aferojn.

Jam dekomence la milito ne disvolviĝis laŭ la planoj de Bonaparto. La rusaj armeoj neniam aperis en la lokoj kie li atendis ilin por rapide venki ilin. Verdire, tiuj armeoj aperis neniuloke: ju pli la francoj avancadis tra la ampleksega rusa teritorio, des pli la rusaj trupoj retiriĝis internen en la lando. La rusaj generaloj Barclay de Tolly kaj Bragation sekvis taŭgan strategion por igi ke la franca armeo perdu efektivecon kaj operacikapablon. Ekzemple, okaze de iu forta ŝtormo kiu falis sur la francaj militistaj kolonoj, ĉi ties armeo perdis dekmilon da ĉevaloj kaj multajn homojn. Kaj la dezirita de Napoleono batalo daŭre ne okazis; kiam la franca armeo alvenis al Vilna, la tieaj rusaj trupoj estis forlasinte la urbon. La loĝantoj de Vilna triumfe ricevis la armeon de Napoleono. Ili estis submetitaj al la rusa imperio kaj esperis, same kiel la poloj, ke la franca invado alportos al ili liberecon kaj sendependecon. Sed Bonaparto atentis nenion pri la aspiroj de tiuj popoloj; li deziris nur decide venki la caron por atingi la kontrolon de la kontinento kaj certigi al si la eblecon sufoki la anglan reziston.

Pludaŭris la irado easten de la franca armeo. Fine, la 25-a de julio okazis ia armita rezisto de rusaj trupoj en la arbaro de Ostrowno, kaj du tagojn poste antaŭ la urbo Vitebsk iu rusa armeo de 80.000 homoj kontraŭfrontis la francan avancadon. Noktiĝe de tiu tago Napoleono ordonis ĉesigi la atakon kontraŭ tiu urbo cele studi la situacion por batalo kiu, laŭ lia kalkulo, okazus la sekvan tagon. Tia estis la intenco de la rusa generalo Barclay, kiu estis atendante la fortojn komandatajn de la generalo Bragration. Ankaŭ Napoleono atendis la alvenon de helpo-trupoj por batalo kiu, laŭ lia espero, estus grava kaj decida. Sed Barclay, sciinte ke Bragration estis retiriĝante kun siaj fortoj, profitis la nokton

